XVIa jaro. No 241 (9) ☆ Monata ☆ Septembro 1920

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . . 10. — Frankoj
Kun la membreco de UEA . . . . . . . 12.50 Frankoj
Unu numero . . . . . . . . . . . . . . 1. — Franko
*Svisa poŝtĉeko III. 2600. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Anonco (unu-centimetra kolonero) . . . . . 2. — Frankoj
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . 0.50 Franko
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . . 0.75 Franko
*Rabatoj: 3 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %*

DIREKTINTO: HECTOR HODLER — REDAKTORO: D-ro EDMOND PRIVAT, GENÈVE
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRADO: MUSEUMSSTRASSE 14, BERN



# ESPERANTISTA KONGRESO EN HAGO

## 8—14 aŭgusto 1920

### Ĝeneralaj impresoj

Al niaj nederlandaj samideanoj ni ŝuldas tutkoran dankon. Ili prenis sur sin tre grandan riskon, ambaŭ moralan kaj financan, invitinte la XIIan Kongreson de l' Esperantistoj al Hago. Plena sukceso rekompencis ilin. Post la malluma sesjaro de l' tutmonda milito rebruliĝis nia ĉiujara festofajro sur la borda sablo de la Norda Maro. Dum unu semajno ĝi briladis plej vigle kaj sendis radian signalon al plej malproksimaj maristoj de nia Esperantista ŝiparo: Supren la veloj! Bona vento blovas. Sub la sankta signo de l' espero ni daŭrigu al la celo!

En unu el siaj lastaj leteroj Hector Hodler skribis: „En la nunaj cirkonstancoj, kun la ĉiuspecaj malfacilajoj pro monŝanĝo kaj pasportoj oni devas kalkuli je 300—400 partoprenantoj.“ Li antaŭvidis ĝuste. Kvarcento da Esperantistoj ĉeestis. Plej grandnombre venis Britoj kaj kompreneble Holandanoj. Unuafoje la Francoj estis treege malmultaj. Ŝajne solaj venis S-inoj Farges, Gérard, Tiard, S-roj Poncet, Delanoue kaj la anstataŭantoj de Generalo Sébert: S-ino Cense kaj S-ro Deligny. Ankaŭ ĝoje ni renkontis samideanojn belgajn, germanajn, aŭstriajn, ĉeĥajn, hungarajn, italajn, hispanajn, danajn, svedajn, bulgarajn, amerikajn. Bedaŭrinde mankis tute Rusoj kaj ankaŭ Poloj pro la nuna milito. Super ĉio mankis nia plorata Majstro, niaj karaj mortintoj. Dekfoje nia penso flugis al ili, kies manojn unuafoje ni ne povis premi.

Al la Esperantistoj el mizera Centra-Eŭropo la kongreslando aperis kvazaŭ paradizo: Ĉie belaj bovinaroj sur la verda kamparo, senfine dolĉa, kun ventomueliloj kaj ŝipveloj super la kanaloj diskaŝitaj, Hago mirinde pura kaj alloga, Scheveningen gajega ĉe la maro; bananoj en la stratoj, ĉie vizaĝoj rozkoloraj, abundeca vidaĵo. Ĝojo kaj sato. Eĉ bufedo en la kongresa akceptejo. Nur la monŝanĝo estis malĉiela. Kronoj, markoj, eĉ fieraj frankoj humile falis sur la ventron antaŭ la plej alte moŝta guldeno.

Sed niaj nederlandaj geamikoj faris ĉion por faciligi nian vivon. La kongreso estis ĉarma, ilia sindono senlaca, bonhumoro plej afabla kaj super ĉio rimarkinda ilia granda modesteco. La ĝenerala sekretario de l' organiza komitato, S-ro Bruijn, sin konstante kaŝis. La UEA komitatano, S-ro Mees, malŝatis honorojn kaj la Kongresa Prezidanto, inĝeniero Isbrücker, plenumis sian rolon kun perfekta ĝentileco kaj simpleco demokrata. Lia ĉarma edzino estis unu el plej bonaj parolantoj de l' kunsidoj kun elokvento mallonga kaj trafa. S-ro Sevenhuysen, kiu reprezentis la nederlandan ministron de publika instruado, ne rakontis al ni ĉion, kion li mem faris por nia lingvo, kiun li instruas al siaj gimnazianoj.

Entute la kongreso ricevis karakteron modestan kaj seriozan. Ne flirtis en la urbo multaj verdaj flagoj: unu malgranda sur la turo de la Ridderzaal, alia ĉe l' Akceptejo, sed ĉiumatene kaj vespere en la plej gravaj gazetoj de la tuta lando aperis sur ĉefpaĝo du aŭ tri kolonoj pri niaj kunsidoj. Ĵurnalistoj sidis plej fidele ĉe sia tablo kaj preparis konsciencajn, ne fantaziajn raportojn, zorge redaktitajn. Ĉiuj konstatis kiel flue kaj preskaŭ samakcente parolas la plej diverslandaj oratoroj. Pri tio, ke Esperanto fariĝis vere vivanta ili ne plu dubis.

Ankaŭ impresis ilin la fakto, ke ne nur nederlanda, sed hispana, bulgara, itala, pola kaj ĉeĥoslovaka registaroj estis oficiale reprezentataj. La du lastaj sendis eĉ siajn diplomatajn rajtigitojn por honori la kongreson.

### La laboroj

En estintaj Kongresoj niaj okazis ofte, ke la laborkunsidoj estis tedaj aŭ vanaj, plenigataj de senutilaj diskutoj. En Hago estis tute alia. De post la Bulonja en 1905 ĝi estis eble la plej interesa kongreso laŭ tiu ĉi vidpunkto.

Krom malfermo kaj fermo solenaj okazis du kunsidoj de UEA matene kaj du ĝeneralaj posttagmeze. Tralego kaj

diskuto de la novaj statutoj proponitaj de S-ro Stettler okupis ambaŭ matenojn kaj elŝprucigis ĉiuspecajn utilajn rimarkojn, demandojn kaj respondojn. Niaj sindonaj delegitoj havis tiel okazon tute rekte kaj publike alparoli, ne nur la ĝisnunan direktoron, sed ankaŭ la senlacan ĝeneralan sekretarion S-ron Jakob, kun kiu ili ĉiuj jam ofte korespondadis skribe. Interkonatigo de spertoj ĉiuspecaj semis vivkolorojn en tiu kora familia konsiliĝado, kies detalan protokolon oni legos kun profito.

De la ĝeneralaj kongresaj kunsidoj oni atendis ne multe, ĉar en la raporto legita de S-ro Deligny (en la nomo de l' Konstanta Komitato Kongresa) estis anoncite, ke oni povos nenion decidi, kaj eĉ la estraro de la Lingva Komitato sendis neniun raporton. Kiel la infanoj, kiuj ŝatas pleje malpermesatan frukton, la Kongreso faris ĝuste la malon de tio, kion eĉ ĝi mem antaŭvidis: ĉar oni atendis, ke ĝi nenion faros, nenion diskutos, nenion decidos, nu male ĝi sin montris agema, zorgema, decidema kaj konstruis propran sian programon tute nepreparite, sed tute ĝentile kaj trankvile.

La prezidanto mem, S-ro Isbrücker, konigis kaj klarigis leteron de la Nederlanda Esp. Asocio plendanta pri la nelaboremo de la Lingva Komitato kaj proponanta pli demokratan elektadon de ĝiaj anoj. Je tiu signalo tuj enskribiĝis dudek parolontoj por superŝuti la malfeliĉan L. K. per similaj riproĉoj, ofte tro justaj. Tamen, se la tasko de L. K. estas nur konservi la lingvon, ĝi laboris admirinde farinte malmulte. Se, kontraŭe, ĝi devus pliriĉigi Esperanton, speciale per teknikaj vortaroj, tiam ĝi perdis valoran tempon kaj meritas tujan instigon al serioza sistema entrepreno. Pri tiu temo S-ro Stettler faris majstran paroladon proponante planon por baldaŭa eldonado de kelkaj ĉefe bezonataj vortaroj pri fakoj la plej gravaj.

Aŭdinte S-inojn Isbrücker kaj Cense, S-rojn Blaise, Krestanov, Nylén, Bünemann, Sevenhuysen kaj multajn aliajn, la Kongreso voĉdonis rezolucion redaktitan de S-roj Warden kaj Stettler petante la L. K. atente ekzameni la leteron de Nederlanda Esp. Asocio kaj esprimante la deziron, ke L. K. tuj entreprenu verkadon de teknikaj vortaroj, kaj ke anoj estu elektotaj estonte laŭ pli demokrata sistemo el kandidatoj prezentotaj de naciaj aŭ aplikaj societoj.

* * *

Ĉe la dua matenkunsido de UEA paroladis tute nova Esperantisto, S-ro Komandanto Alessio, oficiale delegita de la itala marministro. Lerninte la lingvon dum la sama jaro kaj ekparolinte ĝin nur ĉe la Kongreso, li sin esprimis ne nur korekte, sed forte kaj imprese. Kiel eksterulo li severe juĝis la nesufiĉan organizon de l' Esperantistoj kaj proponis koncentrigon kaj pagon de salajroj al bonaj gvidantoj de la movado, por ke ili donu sian tutan tempon al propagando kaj redaktado.

De kie preni la monon? Jen la demando. S-ro Alessio opinias, ke, se ni vere volus, ni povus. Efektive multaj aliaj movadoj estas forte organizataj kun profesiaj agantaroj. Responde S-ro Stettler konigis la lastajn dezirojn de H. Hodler kaj lian proponon al Generalo Sébert, ke li akceptu la prezidantecon de UEA, kaj ke ni koncentrigu ĉiujn niajn fortojn. Poste li priskribis sian projekton de ĝenerala Asocio de l' Esperantistoj kun diversaj fakoj, ekzemple Administrado ĉe la ĝisnuna UEA; Propagando ĉe registaroj: Paris; Lingvaj estraroj; sidejo ĉe ilia prezidanto, al kiu oni pagu sekretarion; Instruado en Londono kaj Literaturo en Dresdeno.

Laŭ propono de S-ro Page, el Edinburgo, la Kunsidantaro de UEA voĉdonis peton, ke S-ro Stettler ripetu sian gravan paroladon ĉe la sekvanta ĝenerala kunveno de l' Kongreso. Tio okazis kaj malfermis novan, ankoraŭ pli interesan diskutadon pri la tuta estonto de nia afero. Ĉiuj konsentis, ke nova epoko devas komenci por nia afero, kaj ke ni nepre devas organizi niajn fortojn sur la plej praktika bazo, kiu estas la kotizajoj de individuaj membroj por subteni niajn instituciojn.

Prave la Kongreso ne permesis, ke la diskuto deflankiĝu al polemikado kritika pri pasintaĵoj. La tempo ja de longe forpasis de tiaj disputoj. Nova spirito konstruema nun regas ĉe l' Esperantistaro. Ĝi inspiris la finan rezolucion voĉdonitan unuanime:

*„La Kongreso opinias necesa, ke estu baldaŭ starigata ĝenerala organizo internacia de l' individuaj Esperantistoj por subteni la necesajn centrajn instituciojn. Ĝi petas la Centran Oficejon en Parizo kaj la komitaton de UEA formi komisionon por prepari planon kaj publike raporti antaŭ la printempo. Tiu komisiono konsistu el du reprezentantoj de C. O., du de UEA kaj de S-roj Page (Edinburg), Arnhold (Dresden) kaj Poncet (Lyon) elektitaj de la Kongreso.“* [1]

Kaj UEA? ekkrios la legantoj. Ĉu do ni havos du internaciajn societojn anstataŭ unu? Tute ne. UEA devas nepre daŭri, kaj la varbado de novaj membroj plivigliĝu ĉiutage. Sed la Lingva Komitato kaj la Centra Oficejo en Parizo bezonas ankaŭ monon. Ne dece estas, ke ili bezonu almozpeti al privataj societoj, ne saĝe, ke ili dependu nur de privataj malavaroj. Ni trovu ian ajn sistemon por plivastigi UEA (eĉ ŝanĝante la nomon se tio estus necesa) kaj por ĝin igi la ĝenerala centra organizo de nia movado, kies kotizaĵo estu morale deviga al ĉiuj Esperantistoj kaj financu la necesajn laborojn de niaj lingvaj, administraj aŭ eĉ propagandaj agantoj sur la internacia kampo, lasante al la naciaj societoj la plenan sendependecon de agado en iliaj landoj.

Ke ni estonte ne plu devu subteni tion en Berno kaj tion ĉi en Parizo, sed ja la tuton kune, jen la celo de la Haga voĉdono. Ĝi ne signifas, ke UEA devas ĉion engluti, sed ke unu ĝenerala societo devas enteni en si tion, kio estis UEA ĝis nun kune kun ĉiuj ceteraj internaciaj bezonoj de l' Esperantistaro.

Nenio ekzistanta devas morti. Ĉio utila devas daŭri per viviga ligilo. Malsaĝe estus detrui aŭ forlasi la unuan domon atendante la konstruon de ia nova. Kontraŭe ni devas daŭrigi la kreskadon de la nuna per tiom pli da fervoro. La novaj statutoj de UEA, aprobitaj en Hago, estas indaj je granda serioza Asocio. Ni ĉiuj eklaboru diligente por akiri novajn anojn. La estonto de l' Asocio dependos ĉefe de tio, kiom da membroj ĝi havos la proksiman vintron. Dume la elektita komision preparu kaj nia gazetaro diskutu bonajn planojn por la estonto.[2]

* * *

Bonega estas la decido kunvoki la XIIIan kongreson dum venonta somero en Praha. En Ĉeĥoslovakio ni kalkulas grandan nombron da samideanoj kaj monŝanĝo estas favora. Ni ja rajtas esperi, je 600 ĝis 700 kongresanoj. Koran dankon pro la invito kaj bonan kuraĝon al la organizontoj!

*Edmond Privat.*

[1] La C. O. en Parizo poste elektis S-inon Cense kaj S-ro Warden, la komitato de UEA S-rojn Privat kaj Stettler.

[2] *„Memoraĵoj pri la XII-VIa Kongreso.“* — S-ino A. Farges, direktorino de la Esp.-Of., 36, rue V. Hugo, Lyon, eldonis 6 fotografaĵojn de la Haga Kongreso: eliro el la malferma kunsido, eliro el la kunveno de UEA, kongresanaro ĉe Huis ten Bosch, alveno en Leiden ĉe stacidomo, apud monumento al van der Werf, trairo de Haarlemmer straat. La tuta serio estos sendata (afranke kaj rekomendite) kontraŭ 5 francaj frankoj per poŝtmandato aŭ per internaciaj respondkuponoj.

# Malferma kunsido de la XII-a Universala Kongreso kaj de la VI-a Kongreso de UEA

Ni intencis publikigi en ĉi tiu numero la Oficialan Protokolon, lerte verkitan de S-ino Cense kaj S-ro Deligny. Malfeliĉe tiu promesita protokolo ne alvenis, sed S-ro G-lo Sébert persone informis nin pri la neebleco; kelkaj el liaj kunlaborantoj partoprenas ĉe kongreso tre grava por nia movado, aliaj estas malsanaj, tiel ke li mem devas laŭeble okupiĝi pri oficejaj aferoj. Prenintaj nur malmultajn notojn dum la kongreso, ni ne deziras raporti kvazaŭ el la memoro pri okazintajoj, je kiuj la reprezentantoj de nia Asocio ludis certan rolon. Sekve ni represas la raporton verkitan de S-ino Marg. Krestanoff aperinta en la gazeto „Esperanto Triumfonta". Kun afabla danko al tiu ĉi gazeto. — *La Redakcio de „Esperanto"*.

*Dimanĉon 8 aŭgusto en la „Ridderzaal"*

Posttagmeze je la tria horo malfermiĝis la pordo de la malnova Kavalira Salonego (Ridderzaal) por la akcepto de la Esperantistaro kaj Solena Malfermo de ĝia XII-a. Sur la estrado ni vidis jam de longe konatajn personojn kiel S-ron Warden, D-ron Privat, inĝ. Isbrücker, D-ron Mees, S-rojn Stettler, Bruijn, S-inon Cense kaj S-ron Deligny. Malantaŭ ili, kvazaŭ ŝirmanta supera prezidanto, staris la busto de nia kara Majstro, donacita al la kongreso de S-ro Maske. Estis sentata la foresto de D-ro Zamenhof, sed spirite li certe ĉeestis. Antaŭ la estrado ĉe ambaŭ flankoj estis la seĝoj por la delegitoj kaj post tiuj la lokoj por la ceteraj kongresanoj. En la mezo troviĝis tablo plene okupita de konataj ĵurnalistoj de Esperantujo kaj de Hagaj gazetoj, kies komprenon ili montris per ĉiutagaj detalaj raportoj en Holandaj ĵurnaloj. Entute preskaŭ 400 Esperantistoj plenigis la salonon, kie ĉiujare la Nederlanda reĝino malfermas la Parlamenton. Alta salono el malnovaj tempoj, la muroj kovritaj per diverskoloraj tapiŝoj, la lustroj simplaj kiel la tuta internaĵo — sed precipe pro tio io aparta — kaj en la koloraj fenestroj estas videbaj la blazonoj de la diversaj Nederlandaj graflandoj kaj provincoj.

S-ro Warden kiel anstataŭanto de Generalo Sébert, prez. de la K. K. K, malfermis per mallongaj vortoj la kongreson kaj transdonis la prezidon al S-ro Isbrücker el Hago, prezidanto de la Loka Kongresa Komitato, kiu estis aklame akceptata kiel prezidanto de la XII-a. S-ro Warden el Skotlando estis elektata kiel vicprezidanto kaj S-ro Deligny el Francio kiel sekretario. La honorprezidon akceptis la urbestro de Hago, S-ro Patijn, kaj estis elektata ankaŭ Generalo Sébert kiel honora prezidanto.

Post tio S-ro Isbrücker dankis, promesante plenumi ĉion, kion postulas tia ofico. Lia tre aplaŭdita Esperanta parolado estos presata en la Oficiala Dokumentaro. Li daŭrigis en Nederlanda lingvo sin turnante al la urbestro. Tiu ĉi respondis same, esprimante sian simpation al la nobla celo de la Esperantistoj kaj dezirante al la kongreso kaj al la Esperanto-movado plej grandan sukceson. Interalie li memorigis pri la Versailles'a Konferenco, kie mondpolitikistoj kiel Wilson kaj Orlando ne povis sin interkompreni, aldonante, ke la Esperantistoj eble venkos, sed renkontos multajn malfacilaĵojn. S-ino Isbrücker, la simpatia edzino de la prezidanto, afable interpretis tion resume por la eksterlandaj Esperantistoj. La prezidanto poste dankis al la kongresanoj pro ilia alveno, per kiu ili montris la amon al nia afero, pensante al nia kara Majstro kaj aliaj karaj pioniroj mortintaj. Li atentigis, ke la XII-a devas esti post la teruraj militjaroj bonvenigo al harmonio kaj laboro por rekomenci la konstruon.

Post tio nia Esp. verkisto kaj oratoro D-ro Edmond Privat per fortaj sed tute pacaj vortoj respondis al la urbestro, ke ne eble, sed certe Esperanto venkos, kaj kortuŝe li rakontis pri la vivo kaj verkado de nia kara Majstro, haltante iom pli longe ĉe liaj lastaj tagoj kaj tro frua morto.

Per leviĝo estis honorata la memoro de la Majstro kaj de aliaj karaj mortintoj.

Kiel vicprezidanto de UEA S-ro Privat salutis la kongreson ankaŭ en ĝia nomo.

Post mallonga paŭzo aŭdiĝis la salutoj kaj bondeziroj de la oficialaj delegitoj, nome: S-ro J. W. Sevenhuijsen en la nomo de la Nederlanda Ministerio por Instruado, Arto kaj Sciencoj; Majoro Josefo Perogordo, sendito de la Hispana Milita Ministerio kaj de la Ruĝa Kruco, Komandanto Alb. Alessio de la Itala Marina Ministerio, S-ro Ivan H. Krestanoff, reprezentanto de la Bulgara Ministerio de Publika Instruado kaj S-ro Aug. Pitlik de la Ĉeĥoslovaka Ministerio de Komerco kaj Turismo. Pli malfrue alvenis ankoraŭ la Pola Konsulo S-ro de Kaczkowski sendita de la Pola Registaro.

Post danko de la prezidanto sekvis la salutparoloj de la delegitoj de l' sekvantaj 24 naciecoj: Aŭstrio: D-ro Metzger; Belgio: F-ino Jennen; Anglio: S-ro Clayton; Skotlando: S-ro Kennedy; Kimrio: S-ro Edwards; Irlando: S-ro Robinson; Bulgario: S-ro Krestanoff; Ĉeĥoslovakio: S-ro Pitlik; Danio: F-ino Rybo; Finnlando: S-ro Pätiälä; Francio: S-ino Cense, kiu ankaŭ salutis flanke de Rusio kaj Polio (el tiu ĉi ankaŭ S-ro Applebaum); Francaj Kolonioj: S-ino Tiard el Alĝerio; Germanio: S-ro Ranft, Germ. Katolika Asocio: S-ro Mielert; Hispanio: S-ro Chaler; Italio: S-ro Arabeno; Nederlando: S-ino Isbrücker, Nederl. Katolika Asocio: S-ro Heilker; Svedio: S-ro Nylén; Usono: S-ro Frost. Pli malfrue alvenis ankoraŭ delegitoj de Estonio: S-ro Anofrijev; Hungario: S-ro Laquer, Hungara Laborista Asocio: S-ro Szabo; Japanio: Prof. Ĉikao Fujisaŭa.

S-ro Isbrücker legis post tio la alvenintajn telegramojn kaj leterojn el plej diversaj partoj de l' mondo, kiuj pruvis, kun kia intereso oni rigardas de ekstere al la laboro de tiu ĉi kongreso. — Estis jam la 7ª h., kiam eksonis, komune kantate de ĉiuj ĉeestantoj, la bela himno de „La Espero" kaj finis tiun neforgeseblan tagon, per kiu komenciĝas nova epoko de la jam riĉa Esperanto-historio.

## Unua laborkunsido de la XII-a

*Lundon 9 aŭgusto je la 15-a*

Prezido: S-ro *Isbrücker*

Post laŭtlego de la protokolo la prezidanto aŭdigis ankoraŭ alvenintajn telegramojn kaj leterojn, inter kiuj notindaj estas tiuj de S-ino Zamenhof, S-ro Jazdani el Persio, P-ro Bujwid, P-ro Cart, D-ro Mybs, Ministro de Instruado en Braunschweig, Corda Fratres, Litova Esp. Asocio, de hungaraj Militkaptitoj en Vladivostok plie de samideanoj el Aŭstralio, Brazilio, Estonio, Jugoslavio. Estis legata mallonga raporto de Generalo Sébert.

Laŭ propono de la prezidanto la kongreso akceptis sendi saluttelegramojn al la Reĝino de Nederlando, al la Ministro de Riveroj kaj Kanaloj, al S-ino Klara Zamenhof, Generalo Sébert kaj al la diversaj ministerioj, kiuj montris intereson al nia movado per sendo de oficialaj delegitoj.

Poste la prezidanto legis la proponon de la Nederlanda Societo Esperantista „La Estonto estas nia" rilate al Reorganizo de la Lingva Komitato kaj ŝanĝo de ĝia regularo. Sekvis longdaŭra kaj vigla diskutado, en kiu partoprenis S-roj Applebaum (Polio), Warden (Britio), Nylén (Svedio), Krestanoff (Bulgario), Bühnemann (Germanio), Poncet (Francio) kaj D-ro Privat (Svisio). Aŭdiĝis plendoj pri mallaboremo de la L. K. kaj Akademio kaj sinsekve ankaŭ kontraŭ la Centra Oficejo en Parizo, ĉe kiu niaj lingvaj kaj aliaj institucioj estas koncentritaj, kaj kiu estas malnaciigota, kiu devas aŭ trovi pli da oficistoj aŭ transdoni parton de sia laborego al UEA, ekzemple, des pli, ke tiu ĉi troviĝas en neŭtrala lando — plej konvena por niaj lingvaj institucioj — kaj havas 5—6 pagatajn oficistojn, kiuj laŭbezone povus

esti pli nombraj. Ni devus liberigi, faciligi kaj reunuigi . . . la tro da organizajoj estas ŝarĝo por ĉiuj.

D-ro Privat prave diris, ke, se la tasko de la L. K. estas konservi la lingvon, ĝi tion plenumis, kaj oni devus danki al ĝi. Se kontraŭe ĝi devus priatenti la evoluon de la lingvo, oni rajtas plendi, ĉar ĝi nenion faris. Tamen pli urĝa estas la bezono de Teknikaj Vortaroj, kaj por ili ni unuavice kaj serioze devas labori. Varma estis la diskutado: kelkaj trovis, ke nia Esperanto per siaj ĝisnunaj vortaroj sufiĉas, aliaj estis kontraŭ tiu aserto. S-ro Süsmuth el Usono petas helpi lin ĉe preparo de vortaro por teksarto, kaj kiam ĝi estos preta, li donos ankaŭ la monon por presigo. S-ro Poncet parolas pri medicina, aliaj pri pedagogia kaj aliaj vortaroj. S-ro Arnhold (Germanio) proponis, ke la L. K. ne estu elektota „demokrate" sed pli laŭ scienca vidpunkto. S-ro Stettler disvolvis belan laborprogramon pri teknika vortaro, sed ne volas ĝin tro scienca, prefere metiista aŭ fakula. La tuta afero estos transdonata al fakuloj ĉe la L. K. laŭ propono Warden-Stettler.

## Dua laborkunsido de la XII-a

*Ĵaŭdon, 12 aŭgusto je la 15-a*

Prezido: S-ro *Isbrücker*

La alvenintaj du Hungaraj delegitoj, S-roj Laquer kaj Szabo, kaj la pola konsulo S-ro de Kaczkowski transdonis siajn salutojn. Oni legas la protokolon de l' antaŭa kunsido kaj telegramojn (notindaj tiuj de S-roj Feliks Zamenhof, Teo Jung, D-ro Möbusz, D-ro Tellini, de la Internacia Stenografa Kongreso en Britio, de 300 Stiriaj Esperantistoj, plie de samideanoj el Islando, Bombay (Hindio), Ĥarkov (Rusio), Aŭstralio kaj Lisboa. Tiu lasta invitis la kongreson por 1923, Poste S-ro Page raportas pri la diskutoj, kiuj okazis dum la merkreda kunveno de UEA, atentigas pri la graveco de la Organiza problemo, kaj demandas la kongreson, ĉu ĝi estus preta meti ĝin sur la hodiaŭan tagordon. Post mallonga diskuto la kongreso unuanime akceptas tiun proponon. S-ro Page — la amiko de Plato kaj Sokrato — invitas S-ron Stettler repreni la temon pri Organizo, al kiu estis dediĉata unu horon da diskutado. S-ro Stettler resume klarigas ĉion faritan kaj farotan kaj skizas planon por tiu celo, deklarante, ke liaj reorganizaj planoj jam ekzistas depost 2—3 jaroj. Li pritraktis ilin kun Hector Hodler, interkonsentinte skribis al Generalo Sébert por kunigi ĉiujn Esp. organizajojn, kreante fortan kunlaborantan unuiĝon. La parolanto rekomendas havi unu Esperantistan popolon, unu centran komitaton kaj unu administron por simpligo kaj fortigo de nia movado. Unuanima kaj demokrata organizajo estas plej necesa. La strangeco de la nuna situacio urĝe postulas novajn vojojn por eliri, alie estos multe pli da komplikajoj. Oni devas sin unuigi per la Esp. sento kaj servo. Niaj kongresoj estas nur Esperantistaj popolkunvenoj, ne parlamentoj; ili nur decidas, ne ordonas, ne devigas. Ni parolu libere unu al la alia kiel amikoj. Ni ne estas ŝtato presanta papermonon, tial ni estas devigataj al ŝparemeco. Nur ŝtato havas oficialajn instituciojn, oficialajn gazetojn, Esperantujo estas alio. Li konsilas pagi solan kotizajon en Centran Lokon, kiu dividos kaj dispartigos ĝin por la diversaj fakoj; krei Internacian Esperantistaron, kiu povos labori, kaj Komunan Komitaton kun subkomitato disdononta laboron. Resume: Unu Esperantista popolo, unu ĝenerala kotizaĵo kaj unu komitato kun diversaj branĉoj (komisionoj kun specialaj celoj). Tiamaniere ni havos laborantajn en kontakto, ekz.: 1. UEA en Berno, kien estos direktata ĉiu organiz-demando kaj kotizajo, 2. C. O. en Parizo kun celo propaganda, altiri famulojn k. s., 3. L. K. kaj Akademio; Instruada Komitato en Londono kaj Literatura Asocio en Dresdeno. Montrante tiun planon, la parolanto finas: „La nuna kongreso povas fariĝi tre grava — ne ŝanĝi, sed krei, unuigi kaj simpligi!

S-ino Cense defendas sin dirante, ke Generalo Sébert respondis per ŝi konsente. D-ro Arnhold estas por restarigo de Unuiĝo de Naciaj Societoj, kion kontraŭparolas D-ro Privat, atentigante, ke decido de nacia parlamento dependos ne de tiu Unuiĝo sidanta ekstere, sed de la nacia societo mem. Ni estu praktikaj! Partioj ne devas ekzisti. La Esperantistaro volas nur konstrui la estonton sur praktika bazo. S-ro Poncet demandas, kiom enspezis la Unuiĝo de Naciaj Societoj, je kio S-ino Cense ne deziras respondi, S-ino Blaise atentigas pri la de supre reganta spirito de D-ro Zamenhof, kaj S-ro Privat aldonas, ke estu tuŝataj ne personaj, sed ĝeneralaj problemoj. Tie ĉi S-ro Krestanoff atentigas, ke oni multon postulas de la Esperantistaro. Preskaŭ ĉiu el ni „devas" subteni sian lokan grupon, sian nacian asocion, la internacian, poste venas fakaj societoj . . . „devas" aboni sian nacian gazeton, iun internacian, kelkajn fakajn. Tempo kaj mono por ĉio ĉi mankas, precipe en la epoko, en kiu ni vivas. Ĉar la Esperantistoj ordinare ne estas riĉaj homoj, ili ne povas ĉion aĉeti, aboni aŭ subteni, kion oni al ili proponas. Por eliri el tiu malfacila situacio li konsilas, ke oni iom malgrandigu nian societaron kaj gazetaron, subtenante nur la plej indajn. Estas multe da laboro, sed mono mankas, kaj la Esperantistoj ne estas sufiĉe nombraj. Por rikolti oni devas semi, la Esperantistaro tro disigas siajn fortojn kaj forgesas unue semi. Ni laboru pli multe, la periodo estas ankoraŭ propaganda, kaj ni devas unuigi niajn fortojn; ĉar ni ĵuris labori, ni ĵuris batali por reunuigi l'homaron. S-ro Bünemann parolas en la sama senco pri la gazetoj.

Post plua diskutado oni voĉdonas kaj akceptas unuanime proponon de D-ro Privat, starigi komisionon por studi la Reorganizon de nia movado.

La nepritraktitaj kunktoj estas prokrastataj al la ferma kunsido.

## Ferma kunsido de la XII-a

*Sabaton 14 aŭgusto je la 9-a*

Prezido: S-ro *Isbrücker*

La prezidanto legis la respondon de la Nederlanda reĝino — kvitancanta la ricevon de la kongrestelegramo — kaj la alvenintajn simpati-esprimajn leterojn de la fama Franca verkisto kaj pacifisto Henri Barbusse, de la Lord Mayor (ĉef-urbestro) de Londono, k. a. S-ro Warden proponis sendi al la Ligo de Nacioj telegramon, kio estis akceptata.

Poste estis pritraktata la propono de la Pola Esperantista Societo enkonduki devige Esperanton en la lernejojn petante la t. n. Ligon de Nacioj sin turni pri tio al la koncernaj ministerioj de ĉiuj ŝtatoj. Estis permesata nur triminuta priparolo de ĉiu parolonto pri tiu temo. S-roj Pitlik kaj Sevenhuijsen rakontas pri la sukcesa enkonduko de Esperanto kiel nedeviga studajo en la Ĉeĥajn kaj Nederlandajn lernejojn. S-ro Mahn rekomendas fari eksperimentan kurson, post kio la instruistoj donu raportojn kaj laŭ la rezultatoj la Ministerio decidos. S-ro Blaise proponas, ke oni lasu al la diversaj naciaj societoj la liberecon demandi laŭvole la Ministerion. S-ro Page rimarkigas, ke ni kreis en la lernantoj novan animon per Esperanto.

S-ro Sharpe (Ro Ŝo) rememorigas la vortojn de nia Majstro pri enkonduko de Esperanto kaj rekomendas la vojon de malsupre (la popolamasoj) — la registaroj nur devas sankcii. S-ro Applebaum konsilas, ke la propono estu prokrastata. S-ro Stettler diras, ke la propono de la Pola societo estas tro frua, kaj ke la Ligo de Nacioj estas superŝutita per

aliaj aferoj, kaj ni ne fermu al ni la pordon por estontaj sukcesoj, per nuna certa mulsukceso. Voĉdone oni malakceptis la proponon, atentigante ke ĉiu nacia societo laboru aparte por la enkonduko de Esperanto.

La dua propono estas tiu de D-ro Leono Zamenhof — frato de nia Majstro — pri kreo de Internacia Hejmo, eble en Svisio, donante eblon al ĉiu Esperantisto por negranda sumo pasigi certan tempon en neŭtrala loko, kie estus aranĝota ankaŭ Esp. Muzeo kaj Sanatorio. Por ties mastrumado la iniciatinto proponas kaj oferas la reston de sia vivo. Irante de la ideala al la reala flanko, tiu ĉi entrepreno bezonus unu milionon da Frankoj, dispartigitan en 200 akcioj po 5000 Fr. S-ro Stettler klarigas la aferon kaj trovas, ke la tuta projekto ne estas preta kaj malfacile realigebla. Post diskutado la propono estas resendita, ĉar estas privata kvankam subteninda afero.

La lasta punkto estis la propono de S-roj Mahn kaj Applebaum pri starigo de Libertempejoj por junaj Esperantistoj. Post pridiskuto estis akceptata simpati-rezolucio, sed ankaŭ tio ĉi estas privata.

S-ro Krestanoff proponas, ke pro manko da tempo oni finu la diskutojn pri flankaj aferoj kaj esprimu dankon al la aranĝintoj de la XII-a, pri kies sukceso ne malmultaj dubis kaj kiu nun prave povas esti komparata al la unua en Boulogne.

S-ro Pitlik invitas akcepti Praha'n kiel lokon por la XIII-a Universala Kongreso. S-ro Warden subtenas ĝin kaj post kiam komandanto Alessio deklaris, ke Italio ne povos nun aranĝi kongreson, oni akceptas la proponon de S-ro Pitlik.

Majoro Perogordo dankis en la nomo de ĉiuj kongresanoj al la Haga kongreskomitato kaj ties prezidanto por la bonega aranĝo de tiu ĉi kongreso. Longdaŭra aplaŭdo pruvas la unuanimecon kun tio. Vere tiu estis kongreso tiel bele aranĝita, ke oni povis plene ĝui ĉion sen troa laciĝo, ĉar ankaŭ ripozo estis ebla, dum aliaj kongresoj estis superŝarĝitaj.

La prezidanto dankis kaj laŭtlegis ankoraŭ alvenintajn leterojn kaj telegramojn kun bondeziroj. Multaj parolantoj dankis al la kongres-komitato, kaj estis proponita donaci kiel signon de dankesprimo al la prezidanto Inĝ. Isbrücker la buston de D-ro L. L. Zamenhof, kiu troviĝis en la salonego. Unuvoĉa kaj aplaŭda konsento. Je la unua horo la prezidanto danke fermis la kongreson. Tri strofoj de „La Espero" elsonis kaj kun: „Ĝis revido!" oni disiĝis.

*S-ino Marg. I. Krestanoff.*

# SESA KONGRESO DE UEA

## Unua kunsido.

*Lundon, 9 aŭgusto, je la 9a matene en la „Ridderzaal"*

*D-ro Privat*, vic-prezidanto, prezidas

Malfermante la kunsidon, li elvokas memoraĵojn pri niaj karaj mortintoj: Mudie, kies ŝaĝeco kaj bonhumora amikeco sukcesigis liajn entreprenojn; Rousseau, kies sistemaj ideoj donis fortan fundamenton al nia Asocio kaj kiu eldiris la filozofion de UEA; H. Hodler, kiu dediĉis sian tutan tempon, sian talenton, sian forton, sian vivon al nia movado; per koncizaj vortoj aperas tiu figuro, energia kaj sprita sub malvarma eksteraĵo.

Laŭ propono de S-ro Privat la VIa kongreso decidas sendi simpatian telegramon al S-ino Hodler-Ruch kaj aklame aprobas la decidon de la komitato, kiu ŝin nomis honora membro de UEA. Kiel kongresa sekretario estas elektata S-ro Poncet, Delegito en Lyon.

S-ro Blaise (London), komitatano, raportas pri korespondaĵoj. Li sukcesis interesi al Esperanto Sir Eric Drummond, ĝenerala sekretario de la Ligo de la Nacioj. Sir Eric Drummond poste skribis senkulpiĝante, ke pro la konferenco de San Sebastian li ne povis sendi oficialan delegiton al nia Kongreso, sed li tre bone komprenas la utilon de nia plenvalora laboro kaj deziras al la kongreso bonan sukceson. Plie kelkaj sekretarioj de la Ligo de la Nacioj estas jam varbitaj al nia ideo. Fine S-ro Blaise transdonas salutojn de S-roj Carles, Karsch, Linares kaj Rockmann, komitatanoj.

S-ro Privat dankas S-ron Blaise pri la raporto kaj aldonas, ke la Ligo de l'Nacioj intencas sin okupi je la demando pri la lingvo internacia, dankas ĉiujn Delegitojn, kiuj dum la milito restis fidelaj kaj tial valore laboris; dankas S-ron Stettler, kiu ĝis nun estis Direktoro, plej zorgema administranto, sen kiu laŭ diro de Hodler mem, ne estus eble funkciigi la C. O. de UEA.

S-ro Stettler diras, ke ne estante lerta paroladisto, li nek povas nek provas daŭrigi la serion de elokventaj paroladoj. En ili oni gloris la laboron, li do seke petas, ke oni komencu ĝin. Li memorigas la kongresajn regulojn de UEA: rajtas ĉeesti kaj diskuti ĉiuj esperantistoj, sed rajtas voĉdoni nur la anoj de UEA. La kongresaj decidoj estas laŭstatute deziresprimoj, kiujn prijuĝas la Komitato. Pri la gravaĵoj, ekz. pri la nova statuto, voĉdonas poste la Delegitoj. Laŭ li, la kongreso ne devas ĉefe esti okazo por ke la C. O. prediku al la ĉeestantoj, sed kunveno kie la kondukantoj de UEA povas lerni kion pensas kaj deziras la membroj. Al la Oficejo, kiu havas la bonan volon krei praktikaĵojn, estis dum la militepoko ofte malfacile scii, kiu el la diversaj eblaj aranĝoj plej bone plaĉos al la Esperantistoj. Nun li petas konsilojn por la venonta agado. La plej grava parto de la dokumentaro, kiun oni komence disdonis al la ĉeestantaro, estas la projekto de Statutoj. Jam tia projekto estis prezentita al la Pariza kongreso. Nun S-ro Stettler devis starigi tutan novan projekton pli konforman al la novaj cirkonstancoj, kaj li petas, ke la Kongreso tuj ekdiskutu ĝin.

Art. 1.

S-ro Alessio (Padova) diras, ke la paragrafo „disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto" devus esti la unua.

Post diskuto inter S-roj Bünemann (Hamburg), Warden (Edinburgh) kaj Alessio, S-ro Privat atentigas, ke oni prave parolas pri „uzado de la lingvo" kaj ne simple pri la lingvo.

S-ro Alessio klarigas: 1e UEA devus helpi la klopodojn de la naciaj societoj; 2e estus pli bone ne tro paroli nun pri la interna ideo, kiu povus malutili al nia propagando en diversaj tre atentindaj medioj.

S-ro Privat respondas unue pri la dua punkto, ke oni parolu pri la interna ideo nur, kiam ĝi povas utili, sed ekzemple ne al komercistoj. Li poste donas ekzemplon pri la unua punkto: se en Ĉeĥoslovakio ni celas la instruon de Esperanto en la lernejoj, tiam klopodu la Ĉeĥoslovaka Societo; sed se en Praha okazas internacia kongreso de komercistoj, tiam klopodu UEA.

Post klarigo de S-ino Isbrücker (Hago) S-ro Privat voĉdonigas pri la propono de S-ro Alessio. Por 29, kontraŭ 27. Tiu propono estas do aprobita.

La art. 1, 2, 3, 4, 5, 6 estas aprobataj.

Art. 7.

S-ro Arnhold (Dresden) hezitas inter „poresperanta" kaj „peresperanta" kaj proponas „esperanta".

Kun tiu ŝanĝo la art. 7 estas aprobata kaj sekve la art. 8 kaj 9.

Art. 10.

S-ro Poncet deziras, ke membroj aliĝu nur per la loka delegito.

S-ro Applebaum (Liverpool) deziras, ke membroj aliĝu nur per la loka Del. Sekvas diskuto inter S-roj Stettler, Frost (Cliftondale, Mass.) kaj Poncet.

S-ro Warden aprobas la proponon de S-ro Applebaum: ano pagu ĉu al la C. O. aŭ al la loka Del., sed ne al najbara loka delegito aŭ eĉ al la distrikta delegito.

S-ro Privat atentigas pri la redaktado „enkasigas la kotizaĵojn de sia loko".

S-ro Blaise klarigas al S-ro Warden sian sistemon de slipoj, per kiuj li povas sekvi la membrojn.

Post demando de F-ino Thooris (Bruges) S-ro Jakob, ĝenerala sekretario de la C. O. de UEA, atentigas pri la pago per alilandaj monoj, kiu, se ĝi profitus al ne tro oferemaj membroj, grave malutilus al nia Asocio.

S-ro Privat profitas, dum S-ro Jakob eksilentiĝis por priskribi lian vastan laboron modestan kaj dankas lin pri lia fidela sindonemo.

S-ro Alessio proponas forstreki la vortojn „pri la motivo".

Post diskuto inter S-roj Stettler, Mahn (Germanio) kaj Arnhold, S-ro Alessio proponas „la rifuzinto lin informas skribe kaj la rifuzato rajtas peti la motivon".

S-ro Blaise preferas lasi la tekston proponitan de S-ro Stettler.

S-ro Nylén (Svedio) proponas aldoni „se bezone".

Post diskuto inter S-roj Privat, Alessio, Blaise, Warden, Stettler kaj Applebaum, restas du proponoj:

Propono de S-ro Applebaum: „La Delegito ne havas la rajton rifuzi anecon al UEA, se la persono estas proponita de 2 anoj de UEA".

Propono de S-ro Blaise: aldoni al la teksto de S-ro Stettler: „se la rifuzato tion petas".

S-ro Privat voĉdonigas unue pri la propono de S-ro Blaise, kiu estas akceptata.

La art. 10 estas aprobata kun tiu aldono.

La art. 11 estas akceptata.

S-ro Privat, kiu ne plene resaniĝis, devas lasi la prezidantecon al S-ro Mees (Hago), komitatano.

S-ro Stettler proponas plirapidigi la diskuton pri la negravaj „oficejaj" detaloj.

La art. 12, 13, 14, 15, 16, 17, 18, 19 estas aprobataj post diversaj demandoj de F-ino Thooris, S-roj Applebaum, Thompson (Bexley Heath) kaj F-ino Gérard (Paris).

Art. 20.

S-ro Blaise plendas, ke kelkaj personoj uzas la servojn de UEA ne paginte sian kotizaĵon. Oni atentu pri tio.

Art. 21. S-ro Poncet atentigas, ke la 2a paragrafo povus kredigi, ke la Del. havas profiton, kaj li certigas la malon.

S-ro Blaise postulas la repagon de ĉiuj elspezoj.

F-ino Jennen (Belgio) rimarkigas, ke respondkuponoj en multaj landoj nun ne plu estas haveblaj; tiu punkto estos konsiderata dum la diskuto pri la VIa ĉapitro.

Post rimarko de S-ro Applebaum, S-ro Poncet proponas simple forigi la 2an paragrafon.

S-ro Stettler atentigas, ke, se la Vicdelegito aŭ Helpanto speciale klopodis por varbi kaj enkasigi, estas la morala devo de la Delegito lasi parton de la procentaĵo al la personoj, kiuj havis la ĉefan penon. Tiuj, kiel la plimultaj kazoj antaŭvidataj en la statuto, devenas el la praktiko. Li volonte konsentas akcepti pli mildan formon, proponitan de kongresano, ke „la delegito laŭeble kompensas al siaj kunlaborantoj iliajn elspezojn". S-ro Mees voĉdonigas, kaj la 22a art. estas akceptata post ŝanĝo de la 2a paragrafo.

Art. 22.

S-ro Poncet atentigas, ke Delegito ne havanta 10 membrojn estas „elektata" de la C. O., sed Delegito, havanta pli ol 10 anojn estas „balotata" de la membroj. Plie li demandas S-ron Stettler ĉu la balotoj ne plu devige okazos per korespondado.

S-ro Stettler proponas ne.

F-ino Gérard deziras, ke balotoj okazu skribe.

S-ro Blaise timas malutilajn intrigojn.

S-ro Stettler ne rekomendas tiun devigan proceдon ĉe la unua provo.

La art. 22, 23, 24 estas aprobataj.

Art. 25.

F-ino Gérard kaj S-ro Bünemann postulas skriban baloton.

S-ro Blaise proponas aldoni al la unua paragrafo „la ĉefdelegito ne rajtas prezidi".

S-ro Poncet proponas aldoni al la dua paragrafo „anstataŭ": „kaj la kvinono de la Delegitoj en kunveno rajtas peti skriban voĉdonon", la frazon „sed la baloto devas esti skriba".

S-ro Mees voĉdonigas, kaj la 25a art. estas akceptata kun la aldonoj de S-roj Blaise kaj Poncet.

La art. 26 kaj 27 estas aprobataj.

S-ro Stettler, ĉar la kunveno jam longe daŭras, demandas, ĉu la kongreso preferas interrompi la diskuton, aŭ daŭrigi ĝin aŭ havi 3an kunvenon.

S-ro Poncet bedaŭras, ke la Organiza Komitato dediĉis nur du kunvenojn al UEA, kiu estas la plej grava interesaĵo por la kongresanoj ŝatantaj seriozan laboron.

Post peto de S-ro Mahn, S-ro Blaise proponas: 1e daŭrigi tiun kunvenon; 2e organizi trian kunvenon se necese.

S-ro Mees voĉdonigas pri tiuj proponoj, kiuj estas akceptataj.

Art. 28.

Post demandoj de S-roj Applebaum kaj Thompson, kiu proponas 40 komitatanojn, S-ro Privat montras, ke estus strange, se en estonta kongreso tiel granda parto de la ĉeestantaro konsistus el Komitatanoj. 25 plene sufiĉas kiel maksimumo, alie la interrilatoj kun ili estus tro komplikaj.

La art. 28, 29 kaj 30 estas aprobataj.

Art. 31.

Laŭ peto de S-ro Applebaum aprobata de S-ro Stettler, la 1a paragrafo de la 31a art. estas resendata al la komitato por pli preciza redakto.

La art. 32 kaj 33 estas aprobataj.

Art. 34.

S-ro Applebaum proponas ne postuli, ke Honoraj Reprezentantoj pagu kotizaĵon.

S-ro Privat diras, ke oni povos baloti ilin honoraj membroj se oni deziras, ke iuj ne pagu.

S-ro Stettler responde diferencigas la Hon. Reprezentantojn de la Hon. Membroj.

Post demandoj de S-roj Thompson kaj Blaise, S-ro Bünemann proponas forigi tiun 34an art., se la Hon. Reprezentantoj ne pagos kotizaĵon.

S-roj Mahn, Applebaum kaj Blaise ankoraŭ diskutas, kaj fine la 34a art. estas aprobata.

La 35a art. estas aprobata.

Art. 36.

S-ro Applebaum proponas resendi al sekvanta kunsido la diskuton de la art. 36 kaj 37.

S-ro Privat proponas fini tiun hodiaŭan diskuton.

Je la 12 h. 45 S-ro Mees fermas la diskuton.

## Dua kunveno.

*Merkredon, 11 aŭgusto, je la 9a matene.*

S-ro *Privat* prezidas

S-ro Jakob legas la protokolon de la 1a kunveno.

S-ro Blaise petas korektigi eraretoп. Post tiu ŝanĝo la protokolo estas unuanime akceptata kun danko al S-ro Poncet.

S-ro Privat daŭrigas la diskuton pri la nova statuto.

S-ro Stettler legas kaj klarigas la artikolojn 36 kaj 37.

S-ro Alessio bedaŭrante ne pli bone koni la Esperantan mondon, kritikas la nunan organizon internacian, kiu preskaŭ ne ekzistas.

S-ro Privat demandas la kongreson ĉu ĝi deziras, ke S-ro Alessio daŭrigu sian paroladon, kvankam ĝi estas ekster la temo de la 36a art. La kongreso jesas.

S-ro Alessio bedaŭras konstati mizerajn diskutojn pri la L. K. La C. O. kaj la K. K. K. malbone funkcias. Li plendas, ke ia propono lia ne estis konsiderata de K. K. K. kaj de la loka komitato.

Li havas impreson, ke tiuj organoj ne estas nun taŭgaj por subteni nian movadon.

S-ro Applebaum miras, ke S-ro Alessio ne diris tion ĉe la kunveno de la ĝenerala kongreso.

S-ro Stettler petas ne konfuzi la C. O. de UEA kun la C. O. de Paris.

S-ro Poncet atentigas, ke C. O., L. K. kaj K. K. K. tute ne koncernas UEA.

S-ro Alessio konscias, ke liaj proponoj eble estas tute ne kompreneblaj por la ĉeestantoj. Tamen li proponas alpreni tiun decidon: „Konsiderante, ke la organoj de la organizo de la Esperantistaro (C. O., L. K., K. K. K.) ne estas taŭgaj por nunaj kondiĉoj, la nuna kongreso fariĝanta kiel konstituanta kuniĝo deklaru mortintaj tiujn organojn, konservu nur UEA kaj donu plenan povon al komisiono de kompetentaj personoj (S-roj Privat, Stettler kaj Jakob).

S-ro Privat opinias, ke tia propono ne venas en ĝusta loko. Ĝi devus esti ekzamenata ĉe la ĝenerala Kongreso.

S-ro Blaise petas S-ron Alessio paroli pri tio, morgaŭ posttagmeze ĉe la ĝenerala Kongreso, kie liaj proponoj havos tre gravan efikon.

S-ro Privat konigas, ke ĝuste antaŭ sia morto S-ro Hodler skribis al li, petante, ke li nepre zorgu por atingi la unuecon de la Esperantistaj fortoj. Li ja tion celas, sed li opinias tiajn klopodojn nun tro fruaj. Oni studu tiun demandon dum proksima jaro.

S-ro Stettler daŭrigas sian klarigon pri la art. 36 kaj 37.

S-ro Applebaum proponas forigi „la C. O. de UEA sidas en Bern" por eviti ĉiujn riskojn.

S-ro Stettler klarigas, ke estas nur ripeto de la art. 4. La komitato rajtas translokigi la sidejon en alian svisan lokon. Li proponas anstataŭi la unuan frazon de la 36a art. per: „la C. O. de la Asocio estas en la urbo de la sidejo de UEA". Tiu propono estas unuanime akceptata.

S-ro Applebaum volus precizigi kaj se eble fiksi la pagadon de la Direktoro kaj Vic-Direktoro.

S-ro Stettler petas lasi al komisiono la aferon de pagado.

S-ro Applebaum konsentas.

La art. 36 kaj 37 estas akceptataj. Same la art. 38, 39 kaj 40.

Art. 41 kaj 42.

S-ro Alessio proponas ne paroli pri la gvidado de la gazeto „laŭ ĝisnuna tradicio".

F-ino Jennen deziras konservi la artikolon.

S-ro Stettler parolas kontraŭ la propono de S-ro Alessio. La 2a paragrafo de la 41a art. ne malhelpos progresi, sed oni konservu gvidilon kaj evitu ĉiamajn ŝanĝojn.

S-ro Blaise deziras aldoni: „morala" tradicio.

S-ro Privat preferas „spirita".

S-ro Privat voĉdonigas pri tiuj aldonoj, kiuj estas malakceptataj.

La art. 41 estas akceptata kiel ĝi estas; ankaŭ la art. 42.

La art. 43, 44, 45, 46, 47 estas aprobataj.

Art. 48.

S-ro Poncet ne bone komprenas la unuan frazon de la 2a paragrafo.

S-ro Stettler ĝin klarigas.

S-ro Privat proponas: „voĉdonado de la Delegitoj" anstataŭ „Delegita voĉdonado".

La art. 48 estas akceptata kun tiu ŝanĝo.

Art. 49 kaj 50.

S-ro Poncet demandas, kiel kalkuli la membrojn.

S-ro Stettler klarigas, ke ĉiu Delegito havu tiom da voĉoj, kiom li enspezis da kotizaĵoj, ĉu tiuj kotizaĵoj estas de membroj de la loko mem, ĉu ili estas de membroj de aliaj lokoj. Alie la kontrolo estus tro komplika. Li atentigas pri la teksto: „Se aparteneco de membro ne estas certa, ĝi kalkuliĝas favore de la Delegito, kiu kvitancis lian lastan kotizaĵon". Plie la statuto devigas la reprezentantojn en grandurboj disdoni la voĉojn al la koncernaj kvartalaj Delegitoj.

Art. 49 kaj 50 estas akceptataj: same artikoloj 51 kaj 52.

Art. 53, 54, 55, 56.

S-ro Poncet demandas, kiel forigi personojn, kiuj depost sia aliĝo fariĝis neindaj.

S-ro Stettler opinias, ke sufiĉas: „aŭ alimaniere fariĝis per siaj agoj malindaj je la Asocio".

La art. 53, 54, 55, 56 estas akceptataj.

Same la art. 57.

Art. 58, 59, 60, 61, 62, 63, 64.

S-ro Jakob petas, ke membroj ne skribu al la C. O. por servoj, plenumeblaj per la Delegitoj.

S-ro Applebaum demandas ĉu estas Delegito en Bern.

S-ro Jakob jesas. Li petas, ke oni sendante ĉekojn al UEA, oni uzu la plenan titolon „Universala Esperanto-Asocio", sen aldono de nomo de persono.

Post rimarkoj de S-roj Mahn, Poncet, Privat kaj Jakob la art. 58 ĝis 64 estas akceptataj.

S-ro Privat atentigas, ke S-ro Stettler intencas aldoni artikolon pri la Fakoj. Li atendis kun ĝi, unue dezirante esplori kion pensas la Kongresanoj pri tiu malfacila faka problemo.

S-ro Poncet tre aprobas tion. Ekzemple laŭ lia opinio, la Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio ne kapablas nun revivi kiel memstara Asocio. La kuracistoj devus aliĝi al UEA kaj fondi kuracistan fakon por sin grupigi. Poste kiam ili estos 800 aŭ 1000, ili povos havi propran specialan asocion kaj teknikan gazeton.

S-ro Page same opinias pri juristoj.

La principo estas akceptata.

S-ro Page varme gratulas kaj dankas la sperton de S-ro Stettler. Li, kiel juristo, opinias tiun statuton bonega; en UEA ni havas fortan koron, kiu vivigos la Esperantan movadon.

Post kvinminuta paŭzo, S-ro Privat diskutigas la Raporton pri la agado de UEA dum 1914—1919.

S-ro Jakob klarigas, ke la dummilitaj servoj estis ideo de S-ro Hodler, kreitaj unue por la Esperantistoj; ili poste etendiĝis al iu ajn kaj efektiviĝis en ĉiuj lingvoj. Li esprimas la dankojn de la C. O. de UEA al kelkaj Delegitoj, kiuj tre helpis en tiu laborado.

S-ro Applebaum volas mem atesti pri la servoj de UEA, kiu ebligis al li komuniki kaj peradi sendaĵojn al lia patrino en Polio.

S-ro Privat dankas S-ron Jakob je la nomo de UEA.

S-ro Jakob aldonas, ke tiaj servoj ne ĉiam estis senriskaj por la Delegitoj. Ekzemple la Delegito de Düsseldorf, S-ro B. Luis, estis malliberigita pro tio. Ankaŭ S-ro Mahn suferis proceson. Tiu raporto estas unuanime aprobata.

S-ro Privat diskutigas la Raporton pri la agado de UEA en 1920.

S-ro Stettler raportas pri la nuna situacio. Li klarigas la malfacilaĵojn pri la jarlibro. Li priskribas la funkciadon de la C. O. kaj atentigas pri la plej gravaj komercaj servoj: Foiroj, korespondado.

S-ro Privat raportas pri la situacio de l' komitato. Konforme al cirkulero aprobita de ĉiuj komitatanoj, la situacio estis priparolita dum la kongreso kaj la ĉeestantaj komitatanoj decidis provizore anstataŭi la mortintojn nome por S-ro Mudie: S-ron Page; por S-ro Rousseau: S-ron Génermont kaj por S-ro Hodler: S-ron Stettler.

Laŭ la sugestoj faritaj de la komitatanoj, kiuj respondis la cirkuleron, estas elektitaj prezidanto de UEA: S-ro Stettler; Vicprezidanto de UEA: S-ro Privat. Tiuj elektoj estas provizoraj kaj valoras ĝis la plena reelekto de komitato, okazonta tiun aŭtunon, konforme al la nova statuto.

Ambaŭ tiuj decidoj estas aklame aprobataj.

S-ro Privat priparoligas la lastan proponon en la Dokumentaro: „Respondilo por la uzado de la Delegitoj" S-ro Stettler mallonge raportas, demandante ĉu la kongresanoj ĝin juĝas praktika kaj ĉu valoras la kostojn fabrikigi la ne malmultekostajn kartonaĵojn. Ĉeestanto faras la lertan proponon, ke la Oficejo presigu la respondilon en „Esperanto", tiel la Delegitoj ĝin havos kaj povos mem ĝin glui aŭ kopii sur kartono. Tiu propono estas unuanime akceptita.

S-ro Privat petas la ĉeestantojn libere paroli pri iuj ajn interesaj temoj.

S-ro Mahn proponas prezenti la servojn de UEA al naciaj neesperantistaj societoj.

S-ro Page revenas al la propono de S-ro Alessio kaj deziras, ke ambaŭ Centraj Oficejoj, tiu de UEA kaj tiu de Paris, laboru manon en mano.

F-ino Gérard cetere klarigas kiom ŝi, Vicdelegitino en Paris, ŝuldas al la C. O. de Paris kaj al S-ino Cense.

S-ro Privat klarigas la ideojn de S-ro Hodler pri la organizo de Esperanto. Li proponas sendi saluton al Sinjoro Generalo Sebert. Telegramo estas aklame decidita.

S-ro Alessio deziras, ke oni elektu tre malgrandan komitaton „de publika savo". Neniam li vidis malpli demokratan organizon ol tiun de la Ĝenerala Kongreso. Li volus, ke oni interdiskutu en UEA kaj proponu ion pretan al la ĝenerala kunsido de la Kongreso. En Italio estas nun bona movado esperanta. Male en Francio estas tempo malfavora kontraŭ Esperanto. Ni devas klopodi por la movado per esceptaj rimedoj, kaj kun la nuna organizo estas absolute neebla. Ni devas komisii malgrandan komitaton eĉ unu solan personon, kiu rajtos ĉion fari, sed ne perdos tempon per korespondado. Ni devas pagi bonajn salajrojn al kelkaj energiaj gvidantoj kaj propagandistoj.

S-ro Privat demandas per kiuj monaj rimedoj.

S-ro Alessio postulas 100,000 svisajn frankojn, kaj li mem komencos subskribi.

S-ro Warden preferus, ke la C. O. de UEA kaj E. C. O. interkonsentu. Nuntempe estas neeble kunigi ambaŭ oficejojn en sama urbo.

S-ro Stettler respondas, ke oni ne devus ĉi tie paroli pri la rilatoj inter la du oficejoj: ili estas plej ĝentilaj; do ni ne bezonas fari pliajn regulojn pri tio. Sed grava estas la demando pri la estonta organizo de Esperanto. Li memorigas sian projekton, kiun li sendis al S-ro Sebert.

S-ro Stettler senkaŝe skribis, ke feliĉe ne ekzistis la intencita Internacia Unuiĝo de Naciaj Societoj. Preskaŭ ne estas eble starigi regularon pri la rilatoj de naciaj societoj; ili rilatas inter si amike, konservante sian liberecon. Se tia regularo ekzistus, oni devus decidi pri akcepto de naciaj societoj, sekve pri nacieco k. t. p. Oni do ŝarĝus la esperantistojn per problemoj, kiujn sen devigo ili ne ektuŝu. Cetere multaj el tiuj naciaj societoj ne estas fortaj. Li kritikas la sistemon de la ĝeneralaj kongresoj, tre maldemokratan. Male la esenca principo de UEA estas, ke ĝi organiziĝis kiel grupiĝo de individuoj laŭ simpla sistemo. Tiu principo de UEA estu aplikata al kreota organizo de ĉiuj esperantistoj. Li skizas tiun organizon laŭ diversaj fakoj: 1e administrado kaj servoj ĉe C. O. de Bern; 2e oficialaj klopodoj ĉe registaroj ĉe C. O. en Paris; 3e eble aliaj fakoj, instruado ĉe oficejo de B. E. A.; Verkado, ĉe Esperantista Literatura Asocio (S-ino Hankel, Dresden). Tia asocio estus direktata de komitato de 30 personoj aŭ pli multaj, kiuj elektus komisionojn de eble 5 personoj por ĉiu fako. La Centra Kaso enspezus ĉiujn kotizaĵojn kaj disdonus la necesajn monrimedojn al ĉiuj oficejoj. Komence oni devus esti plej modesta, organizante simple kaj forte, sed tre atentante ne perdi la kunlaboron de la inteligentuloj en ĉiuj landoj. S-ro Stettler bedaŭras, ke li ne povis ĉeesti la konferencon de septembro 1919 en Paris, al kiu li estis tro malfrue invitata. Poste S-roj Sébert kaj Stettler estis malsanaj, sed S-ro Hodler skribis kortuŝan leteron al S-ro Sébert, lin atentigante, kiajn gravegajn deficitojn havas niaj oficejoj. Sekve oni devus simpligi.

Tiu majstra parolado de S-ro Stetler estas varmege aplaŭdata.

S-ro Page proponas, ke la kunveno de UEA petu S-ron Stettler rediri sian paroladon dum morgaŭa ĝenerala kuveno.

S-ro Privat voĉdonigas pri tiu propono, kiu estas unuanime aprobata.

Post parolado de S-ro Edwards (Aberistwyth) S-ro Bühnemann demandas, ĉu ne estus eble restarigi Esperantistan Ĉekbankon.

S-ro Jakob klarigas, ke Ĉekbanko Esperantista kun monsistemo „spesmilo" estas praktike neebla; la fondinto de la iama Ĉekbanko tion spertis. Ne parolante eĉ pri la nuntempaj kurzoj la ideo ne estas efektigebla sur reala bazo: oni perdas sian monon, sian tempon por nenio. Kiu deziras posedi konton eksterlande por transpagi povas tion fari ĉe la C. O. de UEA, kiu malfermos konton en svisaj frankoj kun minimuma enpago de fr. 40,00.

S-ro Blaise sperte certigas, ke ĉekbanko en nuna tempo estas ne dezirinda kaj ne realigebla.

S-ro Warden subtenas la proponon de S-ro Bühnemann kaj petas la komitaton ĝin studi.

S-ro Privat diras, ke oni studis la demandon kaj konkludis negative.

S-ro Mahn parolas pri la kongreso de Internaciaj Asocioj en Bruxelles kaj demandas ĉu UEA sendos reprezentanton.

S-ro Privat respondas, ke la C. O. komisios belgan delegiton.

S-ro Blaise parolas pri la komitato por Savo de l' Infanoj en la militintaj landoj. Fine je la nomo de la VIa kongreso de UEA li dankas S-rojn Stettler, Privat kaj Jakob.

S-ro Privat fermas la VIan kongreson de UEA je la 12h 30.

La Prezidintoj de la Kunvenoj: *Edm. Privat, H. C. Mees.*

La sekretario: *L. Poncet.*

---

# FAKAJ KUNVENOJ

## Framasonoj

Merkredon la 11 aŭgusto okazis la kunveno de la framasonoj en la lernejo „Bleyenburg".

Ĉeestis 12 framasonoj el Anglujo, Skotlando kaj Nederlando. Tagordo: La restarigo de Universala Framasona Ligo.

Oni akceptis la jenan rezolucion:

„La framasonoj diversnaciaj, kunvenintaj okaze de la XIIa Universala Kongreso de Esperanto, esprimas la deziron, ke „Universala Framasona Ligo" estu restarigota kun celo studi la plej bonan manieron propagandi Esperanton inter la framasonaro ĉiulanda."

Aliĝi povas ĉiu framason(in)o, de kiu ajn Grand-Oriento aŭ Ordeno. Kiel sidejon de la estraro oni elektis Nederlandon.

La kunveno estis tre fruktodona. La granda sukceso de la XIIa Kongreso instigu nin, energie propagandi nian lingvon inter la framasonaro! Antaŭen! En Praha ni raportos pri nia laboro! Ĝi estu sukcesplena!

La sekretario: *F. Faulhaber.*

## Katolikoj

*Unua kunsido, Mardon la 10 aŭgusto 1920*

Malfermas la kunsidon la vicprezidanto S-ro Heilker (Nederlando). Li atentigas, ke laŭ la programo de niaj kunsidoj ne estus ebla la ĉeestado de kelkaj amuzaĵoj de la Dekdua. Li tial proponas iom ŝanĝi la programon. Diskutado pri tiu punkto evidentigas, ke ŝanĝo malhelpus al efika laborado, kaj tial oni decidas neŝanĝi la programon.

S-ro Heilker transdonas la prezidantecon al D-ro Poell, kiu dume alvenis.

La parolo nun estas al S-ro M. Mielert el Breslaŭ. Li pritraktas du temojn; unue: „La forgesita Oriento", per kio li aludas sian belan sed hodiaŭ malfeliĉan urbon Breslaŭ; kaj due: „Profesiaj propagandistoj".

La paroladinto ricevas la dankon de la kunveno. Sekve de tiu lasta parolado oni nun pritraktas la Esperanto-movadon inter la katolikoj en diversaj landoj.

S-ro Alessio (Italio) diras, ke multaj Italaj pastroj rigardas la Esperanto-movadon kiel kontraŭ-religian agadon.

P-ro D-ro Metzger el Graz (Aŭstrio) rimarkigas, ke ni devas havi diversajn centrojn por la samaj fakaj organizoj diverslandaj. Tia organizado jam propagandas Esperanton per si mem, ĉar la faktoj montras, ke internaciaj kunvenoj malsukcesas pro lingvodiverseco.

P-ro Koller el Göttweig (Aŭstrio) esprimas la necesecon havi oficialan revuon por la internacia katolika movado, revuo, kiu devus veni en la manojn de ĉiuj katolikoj.

S-ro Schamanek el Wien (Aŭstrio) substrekas la vortojn de la antaŭaj parolantoj, dirante, ke per taŭga laborado sur internacia kampo ni povas gajni personojn, kiuj ĝis nun estis kontraŭuloj de nia Esperanto-movado.

S-ro Heilker montras, ke ĝis nun ni eraris, montrante nin unualoke Esperantistoj, dualoke Katolikoj. Nia Unuiĝo estas per-Esperanta, kaj la katolikeco do venu unualoke. Ni tial devas ŝanĝi la regularon.

D-ro Metzger atentigas pri la granda simileco inter la celoj de nia Unuiĝo kaj de la Unuiĝo „Blanka Kruco", kaj demandas, ĉu ne estas ebla kunfandiĝo de ambaŭ organizaĵoj.

Post la diskutado la prezidanto proponas elekti komisionon por pristudi por nia Sesa la diversajn temojn rilatantajn la Esperantomovadon, nome:

1e Pritraktado de la Regularo de I. K. U. E.
2e Nova ŝanĝpropono, naskita el la nepra bezono de Katolika Internacio.
3e Starigo de Universala Katolika Socia Agado (U. K. S. A.).
4e Pri la unuiĝo de Katolikaj Esperantaj revuoj al unu grava revuo, deviga por ĉiu katolika Esperantisto.

La prezidanto proponas por tiu komisiono elekti S-rojn Heilker, Alessio, Mielert kaj Metzger.

Oni unuvoĉe akceptas tiun proponon.

Pri la en la dua kunsido pritraktota temo: „Unuformeco de la Katolikaj preĝoj" la prezidanto proponas jenan komisionon: S-roj Meŝtan, Preller, Koller kaj Schamanek. La kunveno deziras aligi al tiu komisiono P-ron Poell, la prezidanton. Tiel la komisiono estas starigata.

Dankante la kunvenintojn, P-ro Poell fermas la kunsidon.

*Dua kunsido, Merkredon la 11 aŭgusto 1920*

La prezidanto, P-ro Poell, malfermas la kunsidon, komunikante, ke ĉiuj katolikaj pastroj, kiuj partoprenas la kongreson, havas permeson konfespreni en Esperanto.

Por la komisiono por la tekstunueco de la katolikaj preĝoj S-ro Schamanek raportas. Post kelkaj diskutoj oni senŝanĝe akceptas la proponon de la komisiono.

Dua punkto de la tagordo estas la propono de S-ro Gelton: Nomigo de komisiono kies tasko estas prepari skriban kurson por la gvidantoj kaj ĉefaj personoj de la Internaciaj Kristanaj Fakorganizaĵoj.

S-ro Schenacher montras, ke precipe nun la tempo por Esperanto estas grava, ĉar ĉie en la mondo oni sentas la necesecon de internaciaj ligoj diverscelaj, precipe socialaj. Ankaŭ, kaj unualoke la laboristoj celas starigi internaciajn organizaĵojn, kaj ambaŭmane prenos la ilon, kiu sola tion ebligas: Esperanton.

Al ni do la tasko kontentigi tiun deziron. Mankas al ni sufiĉe da instruistoj, kaj tial ni bezonas skribajn kursojn, kiel eble plej facilkompreneblajn.

S-ro Schamanek diras, ke por havi bonajn rezultatojn oni bezonas buŝajn kursojn, en kiuj oni kiel eble plej multe parolas Esperanton, por ke la lernanto kutimiĝu pensi en nia lingvo.

P-ro Koller rekomendas la eldonadon de broŝuroj pri Esperanto, skribitaj de eminentuloj.

Oni unuvoĉe akceptas la proponon de S-ro Gelton, elektante por la komisiono S-ron Schenacher, kiu por sia laboro povas aligi aliajn kompetentajn personojn.

Alvenis komuniko de P-ro Bianchini el Italio, ke li forvojaĝis el sia patrujo kaj esperas alveni sufiĉatempe al nia Sesa.

Oni sendis al Lia Papa Moŝto la jenan telegramon: „Katolikoj Esperantistaj, kunvenintaj por la Sesa Kongreso, kiu estos malfermata la 15 aŭgusto, petas de Via Sankta Moŝto la altegan benadon, kiu inspiros ilin al laborado por la triumfo de tiu-ĉi internacia lingvo, kiu jam havas tiom da sukceso, kaj kiun ili esperas uzi kiel efikan ilon por la progresado civila kaj sociala, kaj por la propagando de la katolika religio inter ĉiuj popoloj.

La Prezidanto: P-ro Poell."

S-ro Mielert el Breslaŭ pritraktas: „Religiaj Festludoj Esperantlingvaj". Li atentigas pri la mondkonataj ludoj en Oberammergaŭ, kaj demandas, ĉu en niaj katolikaj Kongresoj internaciaj oni ankaŭ povas havi tiajn teatraĵojn en Esperanto.

S-ro Heilker proponas elekti komisionon por ebligi tian teatraĵon jam dum la sekvantjara katolika Kongreso, tuj kiam la kongresurbo estas fiksita. Tiun proponon oni akceptas.

P-ro Meŝtan promesas, ke, kiam post kelkaj jaroj ni havos la katolikan kongreson en Vieno, oni tiam ludos Esperantlingve la konatan verkon de Eckert „La savo de la mondo". Oni tion aplaŭdas.

La prezidanto fermas la kunsidon.

*Tria kunsido, Vendredon la 13 aŭgusto 1920*

La prezidanto P-ro Poell, malfermante la kunsidon, komunikas, ke li ricevis telegramon de Lia Papa Moŝto: „La Sankta Patro, akceptante la honorigon kaj dediĉon de la katolikaj Esperantistoj, kuniĝintaj en la sesa internacia kongreso, kaj akceptante la esprimon de iliaj deziroj, donas al ili la petitan Altegan Benadon. Kardinalo Gasparri."

Plue ni ricevis sciigon, ke Monsinjoro Giesswein ne povas ĉeesti la kongreson, ĉar li ne povas ricevi pasporton, kaj ke P-ro Bianchini el Italio estas malhelpata veni pro la politika situacio. P-ro Bianchini samtempe sendis raporton pri la eldonado de la adresaro de katolikaj Esperantistoj. D-ro Smulders laŭtlegas la raporton kaj la sciigon de P-ro Bianchini, ke li pro malbona sanstato eksiĝas kiel ĝenerala sekretario de I. K. U. E.

Poste legis la raporton de la unua kunsido S-ro Marrevee (Nederlando), de la dua kunsido S-ro Mielert (Germanio).

S-ro Heilker raportas pri la laboro de la komisiono por la regularo. La komisiono ne tute ankoraŭ plenumis sian taskon, sed redaktis ĝis nun la ĉefajn artikolojn. Ĝi proponas starigi anstataŭ I. K. U. E. la Internacion Katolikan, en kiu kunlaboras por sama celo la unuenomita Unuiĝo kaj Blanka Kruco, same kiel la internaciaj kaj diversnaciaj samcelaj organizacioj, unuiĝontaj al la sama Internacio Katolika.

La raportanto laŭtlegas la artikolojn de la Statutoj. Oni detale pritraktas la enhavon kaj fine akceptas la intencon de la diversaj artikoloj, petante al la komisiono novan, pli klaran redakton de kelkaj paragrafoj antaŭ ol ilin prezenti kaj proponi al Nia Sesa.

Poste oni sendis telegramojn al Lia Kardinala Moŝto Piffl, al P-ro Parker, al Iliaj Episkopaj Moŝtoj Diepen kaj Callier, kaj al Ŝia Reĝina Moŝto Vilhelmino.

Dankante la prezidanto fermas la kunsidon.

*P. A. Schendeler.*

## Kuracistoj

Jaŭdon la 12 aŭgusto okazis kunveno de kuracistoj. D-ro Boyd Primmer, kiu prezidis, legis traktaton pri „Kuracado de tuberkulozo en Britlando", sekvis diskuto. D-ro Smulders proponis, subtenita de S-ro Barkema la restarigon de la Kuracista Asocio kaj ke oni petu la redakcion de „Esperanto" rezervi lokon por oficialaj informoj. Kiel prezidanton oni elektis D-ron Primmer. Ĉiuj fakanoj Esperantistaj, kiuj interesiĝas pri la supre citita punkto, bonvolu skribi al D-ro Boyd Primmer, Struan Bank, Cowdenbeath (Skotlando).

## Pacifistoj

Sub prezido de S-ro Isbrucker okazis la kunsido la 11 aŭgusto je la 3½ posttagmeze en la akceptejo. Unue D-ro Arnhold raportis detale pri la historio de la pacifista movado inter la Esperantistoj, atentigante pri la meritoj de S-ro Moch el Parizo. S-ro Mahn rekomendis, ke en ĉiu kunsido de la Internacia Unuiĝo de Militviktimoj oni insistu pri la rezolucio, favora je Esperanto. Plue li rakontis pri la grandaj lingvaj ĝenoj kaj malhelpoj dum la lasta pacifista kunsido en Bern, kio denove pruvas la urĝan bezonon de nia lingvo. S-ino Moscheles akcentigis la neceson, vigle rekomenci la pacifistan movadon inter la Esperantistoj. Hispana samideano insistas, ke ne sufiĉas, propagandi Esperanton kaj Pacon inter plenkreskaj homoj, sed ke necesegas, eduki la novan generacion sen la veneno de la militaj ludiloj kaj rakontoj. F-ino Riley proponas, ke oni fisku kotizon kaj jenajn kondiĉojn por ĉiu membro: 1e Mi promesas pozitivan laboron por la paco; 2e mi promesas, neniam fari aŭ diri ion kontraŭ la paco nek fariĝi soldato. Pastro Pätiälä diras, ke tio konfliktas kontraŭ la kristana obea devo al la registaro. S-ro Mahn rekomendas, ke ĉiu Esperantisto nepre aliĝu al sia nacia paca unuiĝo kaj tie klopodu por nia lingvo. Plue li proponas, ke la Tutmonda Esperantista Paca Asocio aniĝu kiel faka societo al UEA kaj uzu ĝian organon. Oni prilaboru ankaŭ la Internacian Pacoficejon en Bern. S-ro Luyken rekomendas propagandi ankaŭ pere de la „Dia Regno“, organo de la Kristanaj Esperantistoj.

La kunsidintoj, diskutinte ankoraŭ pri detalaj demandoj malpli gravaj, donas al S-ro Mahn adresmaterialon petante, ke li ellaboru bazon por efika kaj regula laborado. *O. B.*

## Vegetaranoj

La kunsido komencis merkredon la 11 aŭgusto, iom post la 2½ ptm. Gvidis ĝin S-ro Bünemann, la komenca redaktinto de la bulteno „Vegetarano“. Li esprimis sian bedaŭron pro la samtempa okazo de multaj fakaj kunsidoj, kiuj forprenis de nia kunsido plurajn amikojn. Li gratulis la ĉeestantan prezidanton de la Dekdua kaj lian edzinon pro la bonegaj porvegetaranaj aranĝoj kaj vidis en la fakto, ke ĉe la vegetaranaj tabloj de la komunaj manĝoj sidis multaj bone konataj Esperantistoj, pli bonan propagandon ol en parola varbado. Ĉar restas nur 45 minutoj por la kunsido, ni povis interdiskuti nur pri societaj kaj financaj aferoj. La ĉefa punkto de nia diskuto estis la restarigo de nia bulteno „Vegetarano“. S-ino van Rees, la redaktintino dum 1916/17, raportis pri la lastaj jaroj. Ŝi proponis starigi garantian fundon por la bulteno. Partoprenis la diskuton S-ino Moscheles, Ges-roj Isbrücker, S-ino Bünemann, S-inoj van Rees, S-ro Bruijn, S-ro Sevenhuijsen kaj aliaj. Post voĉdono estis decidata, eldoni la bultenon memstare, kiel antaŭe, se necese trimonate anstataŭ dumonate. Per kolekto de kotizoj kaj por la garantia fundo oni havigis la necesan bazon por la bulteno. La oficoj estis jene disdonataj: Prezidanto S-ro J. W. Sevenhuijsen, Leidschevaartweg 123, Haarlem; sekretariino S-ino Maria van Rees, Noolscheweg 9, Laren NH.; redaktanto S-ro Oscar Bünemann, Hamburg-Fuhlsbüttel, Alsterkrugchaussee 586; naciaj sekretarioj laŭ listo publikigota sur la bulteno, kiu aperos fine de septembro. *O. B.*

---

# *Al niaj legantoj*

*Pro manko de loko, mallonga priskribo de la belaj dumkongresaj festoj aperos en proksima numero, elironta inter la 15 kaj 20 oktobro.*

---

## Nederlanda Laborista Federacio Esperantista

*5a Kongreso en Hago*

Dimanĉo la 8 aŭgusto okazis en la sindikata domo „Haagsch Vak-Comite“ la 5a Kongreso de la Ned. Fed. de Lab. Esp. Estis reprezentataj la Sekcioj Amsterdam, Deventer, Enschede, Hago, Leiden, Rotterdam I (fervojistoj) kaj Rotterdam II. Ne ĉeestis sekcio Zaandam.

Malfermis la kunsidon la Fed. prezid. Kdo. J. Diehl, kiu daŭris ĝis la 2a posttagmeze. La tagordo povis esti fintraktata antaŭ la malfermo de la XIIa Universala Kongreso. Alvenis salutleteroj de hungara, norvega kaj svisa Lab. Esp. korporacioj.

La protokolo de la antaŭa Kongreso estis aprobata. La jarraportojn de la 1a sekr. kasisto Kdo. K. H. Meijer oni senrimarke aprobis. Provizore Rotterdam estas fiksita kiel loko por la sekvonta Kunveno. La fed. kotizaĵo estos la sama kiel pasinta jaro: 10 cendojn po membro monate, dum la jara kotizaĵo por ĝen. membroj estas plialtigita ĝis 2 guldenoj. Ĉar la ĉiusemajna gazeteto „Nederland-Esperanto“ depost Januaro 1920 duone estas eldono de la N. F. L. E., la delegitoj estas instigitaj plimultigi la abonojn en siaj sekcioj, por ke ĝi povas esti konservata.

Serioza kandidato por anstataŭi la 1an sekretarion, kiu deziris eksiĝi, provizore ne estas trovita. Por la statutoj la leĝa aprobo estos petata. Grava decido estas la starigo de Komisiono „Ned. Lab. Esp.-Servo“, kiu havas la taskon prilabori por la laborista gazetaro interesajn komunikojn per Esperanto. La Komisiono konsistas el 6 membroj kun Kdo. Meyer, sekr. de la federacio. La eksterlandaj fratorganizaĵoj estas petataj samrimede praktiki Esperanton por la ĉiulanda laborista gazetaro.

Rilate la Internacia Organizaĵo la kongreso de Esp. Laboristoj decidis prokrasti la demandon ĝis la Praha kongreso.

Fine, la kongreso akceptis jenan deziresprimon:

La kongreso de la „Nederlanda Laborista Federacio Esperantista“:

„konvinkite, ke la ĝenerala enkonduko de mondhelplingvo estas nepre necesa;

„opiniante, ke Esperanto devas esti elektata;

„instigas la ĉiulandan laboristaron lerni Esperanton kaj ĉiuforte labori por ĝia oficiala enkonduko.

Nederlanda Federacio de Laboristoj Esperantistaj:
Sekr.: *K. H. Meijer.*

---

# NACIAJ KONGRESOJ

## Aŭstralia Esperanto-Asocio

*Ĝenerala Kunveno en Melbourne, 2 julio 1920*

Sub prezido de S-ro J. G. Pyke la unua ĝenerala jarkunveno de A. E. A. okazis en Melbourne la 2 julio. La raporto de la komitato estas aprobita. Ĝi montris, ke la asocio jam okupas gravan lokon en la Esperanto-Movado en Aŭstralio. La kunveno esprimis la deziron, ke la komitato refaru la statuton. Kun helpo de delegitoj la komitato akceptis tiun taskon kaj promesas prezenti raporton post tri monatoj. Gravan propagandan laboron faris S-ro Profesoro Meredith Atkinson per parolado ĉe la Universitato de Melbourne, pri la temo „Esperanto kaj Internacia politiko“. Ĉeestis 300 personoj. Saman paroladon li faris en Perth.

Okaze de la tria kongreso de Aŭstraliaj Esperantistoj okazinta en Sydney oni decidis interalie sendi deputacion al la Direktoro de Edukado en New South Wales, celantan la enkondukon de nia lingvo en la lernejoj. Plie starigi komisionon per eldoni landan gazeton „La Suda Kruco“.

A. E. A. nun kalkulas ok aliĝintaj grupoj kun ĉirkaŭ 300 membroj. Ekzistas sufiĉe multe da personoj, kiuj, lerninte la lingvon, ne plu estas anoj de grupoj. Oni esperas ilin revarbi per la nova gazeto.

La komitato de la A. E. A. konsistas nun el jenaj personoj: Prezidanto: S-ro A. Maurice Hyde; Vicprezidantoj: S-roj A. R. Cohen kaj S-ino Purnell; Sekretario: S-ro L. E. Thomson; pliaj komitatanoj: S-ino Synnotte; F-ino M. Helm; S-roj Kelly, Cohen kaj Redfern. La aliĝintaj grupoj elektis en la komitaton: F-ino A. Godfrey S-ro E. Grant; S-ro O'Bonoghue Maclary kaj Pfahl.

Por Aŭstralia Esperanto Asocio:
*L. E. Thomson*, Hon. Sekr.

## Va Kongreso de Italaj Esperantistoj

*Bologna, 3, 4, 5 oktobro*

En la supreskribitaj tagoj okazos en Bologna la unua kongresa kunveno de niaj italaj Samideanoj post la milito. Jam granda aro da aliĝoj alvenis al la O. K., kiu vigle klopodas la preparon de la kongreso. Tre interesaj temoj estas pritraktataj de lertaj eminentuloj de l' movado en Italio; interalie oni diskutos la gravan problemon de definitiva starigo de centra organizaĵo poresperanta en Italio.

Honora komitato de urbaj eminentuloj estas jam starigita, dum jam sendis oficialan anoncon de ĉeesto per reprezentantoj la Reĝaj Ministerioj (por Maraferoj, Instruado k. c.), la Nacia Korpuso de Knabskoltoj kaj aliaj aŭtoritatoj kaj institucioj.

Post la kongreso, multaj kongresanoj vojaĝos are al Ravenna, por solene meti florkronon sur la tombo de l' unua starigìnto de l' nacia lingvo, Dante Alighieri, viva pruvo de l' supernacieco nek kontraŭnacieco de la samideanoj.

Ĉe la sidejo de l' O. K. (via Manzoni, 1) funkcias de nun la Komisioj Informa, Gastada, Virina, por Vendejo k. c. krom konstanta Prezidanteca Oficejo direktata de K-ro Adv-to Palmeggiani kaj de S-ro H. Toschi, sekretario (Viale Gozzadini, 7).

La Sekretario: *Uniberto Toschi.*

## La Skota Esperanto Kongreso

Ĉe la 15a jarkongreso de la skotaj Esperantistoj, kiu okazis en la Universitato de Edinburgo, la 19 junio, S-ro D. J. Young, M. A., F. E. I. S , Cowdenbeath, elektiĝis kiel prezidanto de la Skota Esp. Federacio, kaj F-ino A. G. Macfarlane, Dumbarton Road, Glasgow, kiel sekretariino. En la publika kunveno prezidata de Magistratano F. J. Robertson oni unuanime akceptis jenan rezolucion apogitan de Sir J. Edward Parrott, LL. D., konata edukisto: „Ĉi tiu kunveno, konstatante la pligrandiĝantan uzadon kaj gravecon de Esperanto, kiel neŭtrala helpa lingvo, subtenas la proponon, ke Edukaj Aŭtoritatoj aranĝu por ĝia baldaŭa enkonduko en la programon de la ĉiutagaj lernejoj."

S-ro G. W. Scott, M. A., instruisto de la kurso de juraj lernantoj en Donaldson's Hospital, Edinburgo, prezentante aron da infanoj, kiuj lerte ludis teatraĵetojn kaj respondis al demandoj de membro de la aŭdantaro, faris gravajn komentojn pri la efiko de la lernado de Esperanto ĉe la infanoj. Li diris:

Kion ĉe la fino de la kurso la infanoj posedas? Kio estas la rektaj rezultoj de la instruado? Kiajn avantaĝojn ili gajnas, kiujn aliaj infanoj ne posedas?

*Unue:* Ili akiris la kapablon kompreni parole kaj skribe ĉiujn Esperantistojn kaj kompreniĝi ĉe ili, kune kun la kapablo legi originalajn verkojn en Esperanto aŭ Esperantajn tradukaĵojn.

*Due:* Konsideru la atmosferon, en kiu la instruado okazas. La Esperanta movado estas inspirata de granda morala kaj spirita forto. Ĝi ne estas nura aldona lingvo. Ĝi estas io pli granda kaj pli nobla, ĉe kies celo estas la konkordo kaj harmonio de la popoloj de la tero. La infanoj do estas en ĉiutaga kontakto kun la bela ideo de Frateco, ĉar la interna ideo, kiu akompanis Esperanton de ĝia naskiĝo, estas Frateco kaj Justeco inter ĉiuj popoloj. Ili komprenas la signifon de Universala Frateco kaj internaciismo, kaj kuneco kun tiaj idealoj ne povas ne impresi kaj pliriĉigi la menson, nobligi kaj beligi la karakteron.

*Trie:* Kio estas la flankaj gajnoj? Ĉu la ĉefaj gajnoj estiĝas je la kosto de alia lernejlaboro, aŭ je la afero de io, kiu helpas civitan efikecon? El spertado mi povas diri, ke interkorespondado letere kaj poŝtkarte kun infanoj en aliaj landoj pligrandigis la scion de la infanoj pri tiuj landoj, kaj ilian intereson pri tiuj landoj historian kaj geografian, kaj efikis por pretigi la spiriton por la vasta elrigardo kaj larĝa simpatio, kion Esperanto kuraĝigas.

*Kvare:* Kio estas la efiko de la instruado de Esperanto ĉe la nacia lingvo? La instruado de ajna lingvo, krom la indiĝena, plibonigas la nacian idiomon. Sendube la instruado de Esperanto alportas al la lernantoj pli klaran takson de la signifo de vortoj kaj juĝon de nuancoj de signifo. Ekzemple kompare kun la angla prepozicio, kiu povas havi ses aŭ sep diversajn signifojn, la Esperanta havas unu difinitan kaj precizan signifon. La ĝusta uzado de la akuzativa formo, de la aktivaj kaj pasivaj participoj, de la finiĝoj de la verboj, ĉiuj lernataj aŭtomate en Esperanto, estas certa kaj praktika pruvo, ke la scio pri gramatiko de la infano estas *reala*, ne teoria, kaj kiel provo de la scio de la infano pri gramatiko, traduko el angla lingvaĵo en Esperanton estas taŭga anstataŭaĵo por forma gramatika analizado. La ĝusta aplikado de la principoj de Esperanta gramatiko en tradukado kaj libera verkado estas certa garantio, ke la infano havas klaran ideon de sintakso, kaj la peno gajni klarajn ideojn, elekti taŭgajn vortojn, aranĝi pensojn logike, kaj esprimi ilin gramatike, bone efikis ĉe angla verkado.

Fine, kiel Esperanto staras rilate al mensa gimnastiko, kaj kiel helpo al studado de aliaj lingvoj? La lingvo Esperanto konsistas el radikoj, sufiksoj kaj prefiksoj, kaj notu, *notu bone*, ke ĉi tiuj radikoj ne estas arbitraj kunmetiĝoj de literoj lau la kaprico de la iniciatoro, sed estas tiuj, kiuj formas la bazon de la plej konataj Eŭropaj lingvoj. Kun tia strukturo la lernanto ne devas kiom memorigi tiom konstrui vortojn. Ekzemple, unu el miaj knaboj volis traduki „He made himself a laughingstock". Por fari tion li uzis *ridinduliĝi:* tio estas, li prenis la radikon *rid*, aldonis *ind*, *ul* kaj *iĝi*. La vortaro ne donis helpon al li, ĉar tio ne estis la vorto en la vortaro, sed tutsame ĝi estis ĝusta esprimo de la penso entenata en la angla vorto. Vi devas do konsenti, ke la knabo montris penson kaj genion. En mia sperto ĉi tiu vortkonstruado estas por la junula menso la plej ĝuita kaj instrua parto de la laboro. Estas plezuro en la penado kaj konscio de povo en la realigo, kaj tiu konscio de estreco de unu lingvo krom la propra estas instigo kaj stimulo por la studado de alia, kaj la logika disciplino, kiun donas tia studado, kaj la plibonigado de la nacia lingvo rezultante el tio, ne povas ne formi utilan bazon por la studado de aliaj lingvoj.

* * *

*Esperanto en Britaj lernejoj*

Dum la nuna jaro pli da lernejoj en Britujo enŝovis Esperanton en sian programon. Sukcesplenaj oficialaj kursoj okazis en lernejoj en Liverpool, Eccles (4a jaro), Barry, Worcester, Keighley, Bishop Auckland, Huddersfield, Leeds, Edinburgh, kaj aliaj lokoj. La Eduka Aŭtoritato de *Fife*, Skotlando, permesis kursojn en *Burntisland* kaj en aliaj urboj en la graflando por la venonta jaro. Aliaj Aŭtoritatoj nun konsideras la aferon kaj la estonteco por nia lingvo aspektas bela.

## Lasta Distrikta Kunveno de UEA

*Sud-Oriento de Francio-Lyon, 9/10 octobro 1920*

Antaŭ ol malaperos la nunaj Distriktoj de UEA, estas necese, ke kunvenu la Esperantianoj de Sud-Orienta Francio ne kunigitaj de post 1914, por difini la limojn de sia nova „Teritorio" kaj por alpreni laborprogramon por 1921. Tiu Distrikta Kunveno, do la lasta, okazos la 10 oktobro en Lyon. Oni elektis tiun urbon kaj tiun daton pro la fama Foiro de Lyon, kiu allogas tiom da vizitantoj. Aliparte, S-ino Farges, direktorino de la Esperanto-Oficejo, laŭkutime aranĝos propagandan ekspozicion sub la aŭspicioj de UEA, kaj

kompetenta samideano faros la 9 oktobro vespere propagandan paroladon organizotan de la Esperantista Grupo de Lyon sub prezido de S-ro E. Archdeacon.

La Lyon'a Delegitaro de UEA, komisiita por zorgi pri la organizaj detaloj, proponis la jenan programon por tiuj du Esperantaj tagoj.

*Sabaton, 9 oktobro.* — Matene kaj posttagmeze vizito al la Foiro (Parc de la Tête d'Or, place Bellecour, Cours de Verdun).

Vespere je la 20 h. 30, propaganda parolado.

*Dimanĉon, 10 oktobro.* — Je la 10 h., unua parto de la Distrikta Kunveno. Je la 12 h., komuna tagmanĝo Je la 13 h. 45, fotografado. Je la 14 h, dua parto de la Distrikta Kunveno. Je la 19 h., vespermanĝo. Je la 20 h. 30, akcepto de la Esperantista Grupo de Lyon.

Pro la alfluego de l'vizitantoj dum la Foiro, estas necese, ke oni sin enskribigu nepre antaŭ la 28 septembro por la ĉambro aŭ por la manĝoj, skribante al S-ro Poncet, Del., 36, Rue V. Hugo, Lyon.

Mi esperas, ke ĉiuj Esperantianoj (kaj nepre ĉiuj Delegitoj) de la Distrikto ĉeestos, kaj ke multaj fremdaj Esperantistoj aŭ Esperantianoj el najbaraj Distriktoj nin vizitos.

Akceptejo funkcios sabaton 9, de la 9 h. ĝis la 19 h., kaj Dimanĉon 10, de la 8 h. ĝis la 10 h. en la Esperanto-Oficejo, 36, Rue V. Hugo (interetaĝo) apud la ĉefstacidomo Lyon-Perrache.

La tagordo de la Distrikta Kunveno estos:

1e Legado de la protokolo de la antaŭa Kunveno (Bourg 1914).

2e Raporto de la Distrikta Delegito pri lia agado kaj pri la situacio de la Distrikto dum la milito kaj post la milito; diskutado.

3e Esperanta parolado de S-ro Poncet pri UEA kaj pri la Kongreso en Hago.

4e Projektoj pri la estonta agado; diskutado.

5e Deziresprimoj de la Esperantianoj rilate la Distrikta propagando.

Komprenenble ĉiuj Delegitoj rajtos proponi aliajn tagordajn demandojn, kiujn ili bonvolos al mi konigi kiel eble plej frue.

Rajtos ĉeesti la Distriktan Kunvenon ĉiuj Esperantianoj, nur kondiĉe, ke ili montru sian 1920 membrokarton.

La Distrikta Delegito: *E. Gabert*, Recette Municipale,
8, Rue du Président Wilson, *St-Etienne* (Loire).

---



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco de nacieco, raso aŭ lingvo. Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon de fremdaj popoloj. Disvastigi la uzadon de la lingvo Esperanto. Krei internaciajn servojn uzebiajn de ĉiuj homoj kaj entreprenoj, kies interesoj celas trans la limoj de ilia genta aŭ lingva teritorio. — UEA kunigas ĉiujn samideanojn, kiaj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizajoj:** Membro: *5 Fr. Svisaj. (Belgio kaj Francio: 6 Fr. Britio: 4 sh. Germanio: 12 Mk. Hispanio: 5 Pes. Italio: 7 L. Nederlando: 2.50 Guld. Skandinavio: 3.50 Kr. Finnlando: 10 F. M. Aŭstrio kaj Hungario: 30 Kr. Ĉeĥoslovakio: 12 Kr. Jugoslavio: 20 Kr. Bulgario: 15 Lev. Polio: 12 Mk. Usono: 1 Doll.)*

Membro-Abonanto (*ricevas la gazeton*): *12.50 Fr. Svisaj. (Belgio kaj Francio: 15 Fr. Britio: 10 sh. Germanio: 30 Mk. Hispanio: 12.50 Pes. Italio: 17.50 L. Nederlando: 6.25 Guld. Skandinavio: 8.75 Kr. Finnlando: 25 F. M. Aŭstrio kaj Hungario: 75 Kr. Ĉeĥoslovakio: 30 Kr. Jugoslavio: 50 Kr. Bulgario: 37.50 Lev. Polio: 30 Mk. Usono: 2.50 Doll.)*

Membro-Subtenanto (*ricevas la gazeton*): *25 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: duoble pli ol membro-abonanto.)*

Membro dumviva (*kun la gazeto*): *300 Fr. Svisaj.*

Esperantia Entrepreno (*komercaj firmoj, societoj, k. t. p.*): *12.50 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: same kiel membro-abonanto.) La Entreprenoj rajtas presigi 40-vortan anoncon en la Jarlibro.*

**Centra Oficejo:** *Museumsstrasse 14, Bern (Svisio). — Bankkonto: Handelsbank (Banque Commerciale), Bern. — Poŝtĉeko: III 2600.*

---

**Decidoj de la Komitato de UEA.** — Por prepari la urĝan reorganizon de la Asocio kaj sankcii la dumkongresajn decidojn, je kiuj la malmultaj ĉeestintaj Komitatanoj ne estis kompetentaj, la plena Komitato akceptis la jenajn proponojn, al ĝi submetitaj per cirkulero de 1 septembro.

La Komitato de UEA aprobas:

1e La elekton de S-ino E. Hodler-Ruch kiel Honora membro de UEA;

2e la elekton de S-ro H. Jakob kiel Ĝenerala Sekretario, kies kompetentecoj estos pli poste precizigataj;

3e la elekton de tri novaj Komitatanoj: S-ro W. M. Page, Edinburgh, por S-ro Mudie; S-ro Marcel Génermont, en Moulins sur Allier, por S-ro Rousseau; S-ro Ed. Stettler, Bern, por S-ro Hodler;

4e la elekton de S-ro Ed. Stettler kiel Prezidanto de UEA kaj de S-ro Edm. Privat kiel Vicprezidanto de UEA.

La Komitato decidas:

5e Elekti la Prezidanton kaj Vicprezidanton kiel reprezentantoj de la Asocio en la Komisiono por studi novan organizon de la Esperantistaro;

6e okazigi voĉdonadon de la Delegitoj dum oktobro-novembro pri la nova statuto kaj por elekti novan Komitaton. Sekve la decidoj 2—5 estas nur provizoraj.

**Voĉdonado de la Delegitoj.** — La Delegitoj decidos pri la akcepto de la nova statuto kaj elektos novan Komitaton. La voĉdonado okazos dum oktobro-novembro, post apero de la proksima numero de „Esperanto". Jam la lastan jaron, kiam oni voĉdonis pri la kotizoj, montriĝis, ke la ĝisnuna statuto de 1910/1912 ne plu taŭgas, kaj tial la Komitato forigis la diferencon inter voĉrajtigitaj kaj aliaj Delegitoj, doninte al ĉiu unu voĉon. Tiun jaron oni voĉdonos konforme al la nova statuto, procedo teorie atakebla, sed la sole justa, ĉar nur novaj reguloj respondas al la nunaj bezonoj kaj ideoj.

*Voĉdonrajto:* Ĉiu Komitatano, Ĉefdelegito kaj Delegito havas unu voĉon. Duobla ofico ne donas plian rajton. En lokoj, kie estas 9 membroj, la Delegito havas unu voĉon, kun 10—19 membroj li havas du voĉojn, kun 20—29 membroj 3 voĉojn, kaj ĉiam plian voĉon por komencata deko. La Centra Oficejo fiksos la voĉdonrajtojn laŭ la nombro de membroj enregistritaj ĝis fino de aŭgusto, kaj indikos pliajn detalojn en sia cirkulero al la Delegitoj.

*Statuto:* La projekto de statuto, aprobita de la Kongreso, estas nun studata de la Komitatanoj. Skizo pri la statuto aperos en oktobra „Esperanto", la plena teksto estos sendata al la Delegitoj okaze de la voĉdonado kaj poste presata en la jarlibro 1921.

*Elekto de nova Komitato:* La Kongreso plene aprobis la sistemon de la nova statuto, laŭ kiu, anstataŭ la ĝisnunaj 10 komitatanoj, estos elektataj 15—25, por ke la diversaj landoj estu pli bone reprezentataj en nia Asocio. Tiu pligrandigita Komitato fiksos kaj kontrolos la ĝeneralan agadon de UEA, dum la administraj taskoj estos konfidataj al „Komisiono" konsistanta el 5 aŭ 7 Komitatanoj. Konforme al tio, la nuna Komitato decidis, ke la estonta Komitato enhavu 22 personojn kaj dispartigis la oficojn al la landoj aŭ grupoj de landoj laŭ la suba listo. — Se la nova statuto ne estus akceptata, tiam daŭrus la sistemo de 10 Komitatanoj, kaj el la 22 kandidatoj ricevus oficojn nur la 10 personoj ricevantaj plej multajn voĉojn.

La *sekvanta listo* estas deviga rilate la dispartigon laŭ landoj kaj la sumon de 22 Komitatanoj entute. Neniel estas deviga la nomaro de la kandidatoj, kiun la Komitato nur starigis por konatigi

al la Delegitoj, kiujn personojn ĝi juĝas, laŭ sia opinio, plej taŭgaj por tiu ofico.

Eble kelkaj membroj vidas malplezure la mankon de personoj, kiuj laŭ ĉies juĝo estus meritintaj la komitatanecon. Ni atentigas pri la loko limigata, malgraŭ la pligrandiĝo de la komitato kaj pri la neceso rezervi tre kapablajn personojn por la gravaj kreotaj oficoj de Ĉefdelegitoj. La malfacilaĵoj, kiujn kaŭzus la sendo de komitata kajero trans la maroj bedaŭrinde ne permesis al ni proponi komitatanojn el Usono aŭ aliaj ekstereŭropaj landoj. Por ke tiuj kontinentoj estu reprezentataj, la nova Komitato povos doni al iliaj Ĉefdelegitoj pli grandajn kompetentecojn aŭ peti kelkajn eŭropaj komitatanojn, ke ili speciale okupiĝu pri la interesoj de tiuj landojn.

La membroj, kiuj deziras rekomendi aliajn kandidatojn, sendu siajn proponojn ĝis la 15 oktobro por publikigo en la oktobra numero.

Tuj, post kiam la Komitato decidis pri la listo de la kandidatoj, la Centra Oficejo petis skribe tiujn samideanojn, ke ili bonvolu akcepti oficialan kandidatecon. Kun la presado de tiu numero ni ne povis atendi ĝis alvenis iliaj respondoj, kiujn ni esperas esti jesaj. Pri eblaj malakceptoj kaj novaj kandidatoj ni raportos en la oktobra numero.

Oni bonvolu senkulpigi nian rapidecon, sed necesas, ke ĝis novembro UEA estu agadpreta kaj la aranĝo de la tuta afero nur estis ebla post la kongreso, kiu klarigis la situacion. Poste ni faros la novajn presaĵojn, elektigos la Ĉefdelegitojn, okupiĝos pri kreado de fakoj kaj klopodos, ke denove nia Asocio funkciu kiel antaŭ la milito, sukcesplene progresigante la movadon.

La Provizora Prezidanto de UEA: *Ed. Stettler.*

La Ĝenerala Sekretario: *H. Jakob.*

**Listo de la kandidatoj por la nova Komitato de UEA starigata de la nuna komitato.**

| Landoj aŭ grupoj de landoj | Nombro de Komitatanoj elekteblaj | Proponitaj kandidatoj |
|---|---|---|
| Britio . . . . . . . . . . | 2 | S-ro P. Blaise, London |
| | | S-ro Wm. Page, Edinburgh |
| Francio . . . . . . . . . | 2 | S-ro A. Carles, Béziers |
| | | S-ro M. Génermont, Moulins |
| Germanio . . . . . . . . | 2 | S-ro J. Karsch, Dresden |
| | | S-ro F. Rockmann, Magdeburg |
| Rusio . . . . . . . . . . | 2 | S-ro St. Szabuniewicz, Moskvo |
| | | (la dua elektota post repreno de la poŝtrilatoj) |
| Svisio . . . . . . . . . | 2 | S-ro D-ro Edm. Privat, Genève |
| | | S-ro Ed. Stettler, Bern |
| Hispanio, Italio, Portugalio . | 2 | S-ro P. Linares, Cordoba |
| | | S-ro A. Tellini, Bologna |
| Belgio, Nederlando . . . . | 1 | S-ro D-ro H. C. Mees, den Haag |
| Aŭstrio, Hungario, Jugoslavio | 2 | S-ro D-ro Metzger, Graz |
| | | S-ro I. Křepelka, arbestro, Vinkovci |
| Ĉeĥoslovakio, Estonio, Letonio Litovio, Polio, Ukrajnio | 2 | S-ro Rud. Hromada, Praha |
| | | S-ro D-ro L. Zamenhof, Warszawa |
| Nordaj landoj (Danio, Norvegio, Svedio, Finnlando, Islando | 3 | S-ino Blicher, Kjöbenhavn |
| | | F-ino Finholdt, Kristiania |
| | | S-ro Vilho Setälä, Alberga |
| Balkano . . . . . . . . . | 2 | S-ro D-ro A. Stamatiadis, Konstantinoplo |
| | | S-ro St. Minkov, Sofia |
| | 22 | |

**Jarlibro 1920.** — Fine aperis tiu ĉi jam longe promesita eldonaĵo kaj estas forsendita inter la 18 kaj 20 septembro al ĉiuj membroj aliĝintaj ĝis fine de aŭgusto. Ni klopodas, ke la aliaj membroj ricevu ĝin kiel eble plej rapide; personoj ne ricevintaj la jarlibron bonvolu konigi tion al la C. O.

**Subtenantaj membroj.**

*Oka listo:*

64. S-ro Bouvier, Poix (Francio). — 65. S-ro C. F. Bardorf, Montreal (Kanado).

**Pagoj en Germanio.** — Izolaj membroj, kiuj volas sendi monon al ni, povas pagi al *S-ro Robert Kreuz, Frankfurt a. M., Schneckenhofstr. 13 (Süd)*, Poŝtĉekkonto 46 815, Frankfurt a. M., bankkonto ĉe Girokasse der Frankfurter Sparkasse.

**Garantia Kapitalo.** — Ni rememorigas, ke ĉiu atesto de la dua serio kostas 300 Fr. Svisa valoro. Oni povas ĝin pagi ĉu en unu sola fojo, ĉu en tri jaraj pagoj da 100 Fr. Ĉiu mendinto de unu atesto de la G. K. estas dumviva membro kaj abonanto de „Esperanto", kiaj ajn estos la venontaj prezaltigoj. La mendojn kaj pagojn oni bonvolu sendi al la C. O. de UEA.

La personoj, kiuj jam posedas ateston de la unua serio povas akiri novan, pagante 100 Fr. Svisa valoro. Tiel agante, ili efike helpos al UEA.

**Kotizaĵoj por 1920.** — Je la 30 junio estis enkasigitaj 3026 kotizaĵoj (el kiuj 897 membroj, 2065 membroj-abonantoj kaj 64 subtenantoj). Krom tio estas 220 dumvivaj membroj. Sume: 3246.

Je la 31 julio estis enkasigitaj 3240 kotizaĵoj (el kiuj 935 membroj, 2240 membro-abonantoj kaj 65 subtenantoj). Krom tio estas 220 dumvivaj membroj. Sume: 3460. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 71.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato junio:

Ricevitaj: 698. — Forsenditaj: 989. — Tuta sumo: 1687. (Antaŭa monato: 1845.)

Movado de la korespondaĵoj dum la monato julio:

Ricevitaj: 579. — Forsenditaj: 1806. — Tuta sumo: 2385. (Antaŭa monato: 1687.)

**Donacoj.** — S-ro Silbernik, New York, 8.60 Fr.; S-ro Ettelson, New York, 25 Fr.; S-ro Mendelson, New York, 10 Fr.; S-ro Chierego, Trieste, 3.20 Fr.; S-ro Bardorf, Montreal, 20 Fr.; S-ro Delanoue, Nemours, 20 Fr.; S-ro Junker, Köln, 8 M.; *de Instruistino 800 Kr. norv., ĉ. 720 Fr. sv. laŭ nuna kurzo.*

Ni varme dankas al la afablaj donacintoj. Speciale citinda estas la larĝanima subteno de „Instruistino".

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en la jenaj lokoj:

*Amersfoort* (Nederlando, Utrecht). — D.: S-ro Elias Urbach, bankoficisto, Zwanenhalsstraat 1 a.

*Borgstena* (Svedio). — D.: S-ro Fritz Linden, studento.

*Huy* (Belgio). — D.: S-ro Armand Landenne, 9, rue St. Stanislas.

*Kecskemet* (Hungario). — D.: S-ro Albert Schüssler, piarista fögimn.

*Krems*-Donau (Aŭstrio). — D.: S-ro Chr. Burkhard, Rehberg 32/2, bei Krems.

*Liége* (Belgio). — D.: S-ro Emile Oger, ĉefa telegrafa kontrolisto, 93, rue de Cointe. — VD.: S-ro René Delvoie, 4, rue du Thier.

*Loughborough* (Anglio, Leicestershire). — D.: S-ro G. M. Williams, tajloro, 19, Ward's End.

*Mechelen* = Malines (Belgio, Antwerpen). — D.: S-ro Axel Baesens, ĥemiisto, Statiestraat 16.

*Neustadt a. T.* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio). — D.: S-ro Alfred Schmidt, instruisto, Hegewald 67.

*Osijek* (Jugoslavio, Kroatio). — D.: S-ro Arthur Spiller, inĝeniero, I. Kolodvorska ul. br. 52.

*Paris 9* (Francio). — D.: S-ro L. Courtinat, 9, rue de Bellefond.

*Porto Alegre* (Brazilio, Rio Grande do Sul). — D.: S-ro F. E. Thierack, kuracisto, Avenida 13 de Maio, 17 A.

*Potenza* (Italio). — VD.: S-ro Giovanni Bochicchio, 6, Vico Cardasco.

*Predazzo* (Italio, Trento). — D.: S-ro Cesare de Zuliani, oficisto

*Rezeknê* (Letonio). — D.: S-ro Sergij N. Grigoriev, distrikta arbarestro, 22, Daŭgavpils Ŝosseja.
*Sajokaza-Borsod* (Hungario). — D.: S-ro Jenö Ferber.
*Schneidemühl* (Germanio). — D.: S-ro Louis Segers, komercisto, Hindenburgpl. 16.
*Tacubaya* D. F. (Mexico). — D.: F-ino Margarita Maynez Prince, instr. de fortepiano, Apartado N-ro 13.
*Tistedalen* (Norvegio). — D.: S-ro Emil Andreassen, bitumfandisto.
*Villeneuve St-Georges* (Francio, S.-et-O.). — D.: S-ro Lespicier, 7, r. Em. Zola.
*Vinkovci* (Jugoslavio). — D.: S-ro Ivan Křepelka, načelnik (urbestro).
*Wettingen* (Svisio, Aargau). — D.: S-ro Alfred Egg, komercisto, Schartenstr. 14.

Ŝanĝoj.

*Antibes* (Francio, Alpes-Maritimes). — D.: S-ro Th. Audisio, florkulturisto, 31, rue James Close.
*Besançon* (Francio, Doubs). — D.: F-ino L. Mathey, 8, Square St-Amour.
*Gablonz* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro H. Röhlich, frizisto, Wasserg. 7.
*Graz* (Aŭstrio, Steiermark). — D.: S-ro A. Halbedl, juristo, Halbarthgasse 6 p.
*Groningen* (Nederlando). — D.: F-ino H. Beukema, Verlengde Grachtstraat 44.
*Paris 2* (Francio). — D.: S-ro van Etten, 10, rue Vivienne.
*Paris 14* (Francio). — D.: S-ro Léon Belhoste, 49, rue Boussingault (XIII).
*Wien* (Aŭstrio). — D.: S-ro R. A. Ĉech, bankoficisto, IX. p. D'Orsayg. 7/23.
*Winterthur* (Svisio). — D.: S-ino Lena Grütter-Häberli, Tachlisbrunnenstr. 35.

Provizore ne plu estas Del. en jenaj lokoj:

*Charleville* (Francio); *Gloucester* (Usono, Mass.); *Graudenz* (Polio); *Hochwaldhausen* (Germanio); *Miechow* (Polio).

**Starigo de novaj Delegitoj.** — Multaj preseraroj enŝoviĝis en la liston (publikigitan en la lasta numero de „Esperanto") de la francaj urboj, kie mankas Delegito. Ni do represas ĉi-sube la ĝustan liston.

*Agen, Aix-en-Provence, Aix-les-Bains, Ajaccio, Alais, Albert, Albi, Altkirch, Amiens, Angoulême, Annonay, Arcachon, Arles, Armentières, Arras, Asnières, Aurillac, Auxerre, Bar-le-Duc, Bastia, Bayonne, Belfort, Biarritz, Blois, Bourges, Bussang, Caen, Calais, Cambrai, Carcassonne, Castres, Cauterets, Châlon-sur-Saône, Chamonix, Chartres, Châteauroux, Chatellerault, Chaumont, Chauny, Cherbourg, Cognac, Colmar, Coucy-le-Château, Dieppe, Dôle, Douai, Dunkerque, Epernay, Epinal, Evian-les-Bains, Evreux, Fismes, Fontainebleau, Fougères, Gerardmer, Grasse, Hyères, Laon, Laval, Le Creusot, Lens, Levallois-Perret, Libourne, Lons-le-Saunier, Lourdes, Macon, Maubeuge, Meaux, Melun, Menton, Metz, Millau, Monaco, Montauban, Montdidier, Montluçon, Montpellier, Moulins, Mourmelon-le-Grand., Mulhouse, Nancy, Nantes, Narbonne, Neuilly-sur-Seine, Nevers, Niort, Noyon, Pau, Périgueux, Péronne, Poitiers, Quimper, Reims, Rennes, Rethel, Rive-de-Gier, Rochefort, Romans, Roubaix, Roye, St-Brieuc, St-Chamond, St-Denis, St-Dié, St-Malo, St-Mihiel, St-Nazaire, St-Quentin, Ste-Menehould, St-Raphaël, Sarrebourg, Saverne, Sedan, Senlis, Sens, Soissons, Sotteville-les-Rouen, Strasbourg, Tarbes, Thann, Thionville, Tourcoing, Valence, Valenciennes, Vannes, Verdun, Versailles, Vichy, Vienne, Villefranche-sur-Saône, Villers-Bretonneux, Villers-Cotterets, Villeurbaune, Vincennes, Vitry-le-François, Vittel, Voiron, Vouziers. — (L. P.)*

*Britio.* Konforme al nia plano ni publikigas ĉi-tie liston de lokoj en Britio, kie Delegito estas dezirinda. Ni petas niajn bonvolajn membrojn atentigi nin pri personoj en tiuj lokoj, kiuj eventuale estus pretaj akcepti tiun taskon.

*Acton, Ashton-under-Lyne, Barnsley, Birkenhead, Blackburn, Blackpool, Bootle, Burnley, Burton-on-Trent, Carlisle, Darlington, Dewsbury, Doncaster, Dudley, Enfield, Exeter, Gateshead-on-Tyne, Gillingham, Gloucester, Halifax, Ilford, Ipswich, Leicester, Lincoln, Luton, Middlesbrough, Newport, Northampton, Norwich, Nottingham, Oxford, Plymouth, Reading, Rochdale, Rotherham, St. Helens, Southampton, South Shields, Smethwick, Southend-on-Sea, Southport, Stockport, Stockton-on-Tees, Stoke-on-Trent, Sunderland, Swindon, Tynemouth, Wakefield, Wallasey, Walsall, West Bromwich, West Ham, West Hartlepool, Wigan, Wimbledon, Wolverhampton, Worcester, Yarmouth.*

---

## Centra Dana Esperantista Ligo

*Oficialaj informoj*

*Reprezententarkunveno* okazis en C. D. E. L. la 18 junio en Kopenhago. Ĉeestis la prezidanto S-ro Blicher kaj S-roj Hinrichsen, Wulff, Taumose F-inoj Jörgensen kaj Rybo.

Interalie oni decidis aranĝi *la venontan ĝeneralkunvenon de C. D. E. L. en Kopenhago la 19 julio.* Laŭvice ĉesas la funkciperiodo de la S-roj Alfr. Christensen (Odense), Heilskov kaj Israelsen, dum tiu de F-ino Rybo kaj S-ro Wulff ĉesas laŭ lotado. Ĉiuj konsentas akcepti reelekton.

Cetere oni diskutis la gravan demandon, *ĉu Kopenhago eventuale povos gastigi la XIIIan Universalan Kongreson dum la somero 1921.* Oni atendas, ke la loĝejcirkonstancoj iomete pliboniĝos je tiu tempo; tamen ja estas alia malfacilaĵo, kaj tio estas, ke kvankam la dana monkurso ne estas alta, ĝi tamen estas tro alta por samideanoj de landoj kun treege malalta monvaloro. Pro tio samideanoj de tiaj landoj ne povos vojaĝi al kongreso en lando, kies monvaloro estas alta. Aliflanke se la cirkonstancoj rilate al ricevo de multaj gastoj estas tiel bonaj en iu ajn mezeŭropa lando kun tre malalta kurso, ke ĝi povos aranĝi la XIIIan, tiu ĉi certe fariĝos pli multenombra en tia lando. Tial C. D. E. L. decidis nur preni sur sin la honoran taskon gastigi la XIIIan, se ne lando kun pli bonaj cirkonstancoj invitos la proksiman universalan kongreson. Tamen oni certe esperas havi la feliĉon antaŭ nelonge akcepti Universalan mondkongreson, eble la XIVan, en Kopenhago.

En la sama kunveno la reprezentantoj diskutis *proponon de Germana Esp.-Asocio rilate al samtaga propagando en ĉiuj landoj* antaŭ diversaj unuiĝoj, k. t. p. Oni rigardas la proponon kiel vere praktikan kaj bonegan kaj decidis kunlabori laŭpove kun G. E. A. Tial „Centra" jam petis la klubestrojn, ke ili ensendu adresojn de komiz-, bank-, magistrat- kaj stenografiunuiĝoj de siaj urboj.

Inter la ricevitaj skribaĵoj estis *skribaĵo de Finnlanda Esp.-Asocio,* kiu laŭ admono konsentas aliĝi al la „Skandinava Propagand-Konsilantaro", kies nomon la finnaj samideanoj proponas, ke oni tiuokaze ŝanĝu. C. D. E. L. proponas la nomon „Konsilantaro de la Nordaj Esperanto-Asocioj". Kiel anojn de la Konsilantaro la finnoj elektis S-rojn Vilho Setälä kaj Ĉernohvostov. La aliaj anoj estas F-ino Anna Jörgensen kaj S-ro Hinrichsen (danaj), S-roj Bonnevie kaj Björn Ottesen (norvegaj), S-roj Skog kaj Rudolf Pehrsson (svedaj). *Astrid Rybo,* sekretariino.

---

# Esperantista Literatura Asocio

*Julia raporto*

**Nia diligenta kolegaro**
**En laboro paca ne laciĝos.**

Ĉiam pli malfacile fariĝas la eldono de Esp. libroj pro la altaj prezoj de papero kaj laboro. Kun ĝojo ni do aŭdas pri Esperanta Eldona Akcia Societo en Krakovo. Estus tre grave, se en ĉiuj landoj fariĝus tiaj societoj, helpantaj la pligrandigon de nia literaturo. Bazitaj je la ideo de komuna laboro tiaj eldonejoj sendependigos nian movadon de privatuloj kaj fariĝos propraĵoj de certaj plimalpli grandaj partoj de la esperantistaro. Tre ĝoje nia Asocio akceptos la sciigon pri fondo de esperantaj akciaj eldonaj societoj.

Nia alvoko pri alsendo de mono el landoj kun alta valuto por eldono de la kantlibro de Pillath havis eĥon, sed ĝis nun nur unu sendo alvenis. Ni dankas por ĝi kaj aldonas, ke el gutoj fariĝos maro.

Tre urĝe ni bezonas novan eldonon de kelkaj libroj. Ni hodiaŭ nur citas du tre gravajn kaj tre deziratajn verkojn: Vortaro de Kabe kaj Lingvaj Respondoj de Zamenhof. Kiu efektivigos novan eldonon de tiuj ĉi libroj?

